Xª jaro. Nº 150 (14) ☆ Duonmonata ☆ 5 Aŭgusto 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| ABONO | | | REKLAMO | | |
|---|---|---|---|---|---|
| **Jara abono** | **2. — Sm.** | (5 fr. —) | **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) | **20 Sd.** | (50 ct.) |
| **Luksa eldono** | **2. 50 Sm.** | (6 fr. 25) | **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | **16 Sd.** | (40 ct.) |
| | | | **Korespondado** (1 enskribo) | **20 Sd.** | (50 ct.) |

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La Balkana krizo kaj ĝiaj internaciaj aspektoj

La tuta mondo kun streĉita atento kaj praviĝita angoro observis la konflikton,[1] kiu sangoplenigis Tracion, Epiron kaj Makedonion. La jarcenta Orienta demando, plian fojon, profunde konfuzis Eŭropon, kaj tiu terura milito minacis liveri al la buĉado de la Eŭropaj batalkampoj tiajn kvantojn de armitaj homoj, kiajn ĝis nun neniam havis sub siaj ordonoj la plej famaj generaloj.

*Politika aspekto.* — La profundaj kaŭzoj de tiu situacio havis nekontesteble internacian karakteron: unuparte, la politika superregemo de la grandaj regnoj, aliparte la vekiĝo de la naciecoj. Tie la malsana deziro plivastiĝi la kampon de influo kaj akiri novajn vendejojn; tie ĉi la aspiroj al memstareco kaj libereco, la deziro de la popoloj al propra vivo.

Inter ambaŭ tendencoj balanciĝas la politiko de la grandaj kaj de la malgrandaj regnoj. La grandaj precipe reprezentas la tendencon de akaparado kaj konkerado, la malgrandaj pli speciale la aspiron al sendependeco.

Al tiu duobla tendenco aldoniĝis aliaj priokupoj: dinastiaj priokupoj de iaj princoj avidaj restarigi la Orientan Imperion por sia propra profito; religiaj priokupoj, celantaj alligi la Balkananojn al Islamo aŭ al la Ortodoksa Eklezio.

El ĉiuj tiuj influoj estas malfacile difini la ĉefinfluon, kiu definitive naskis la militon. Ŝajnas certe, ke la konflikton ekscitis sekreta kaj konstanta propagando de senditoj el Aŭstrio kaj Rusujo. Tiu okulta sintrudo de ambaŭ regnoj donis al la Balkana konflikto ĝian vere internacian karakteron. Unuparte Aŭstrio deziris etendiĝi suden. Aliparte Rusujo, en la nomo de la slavismo, de longe sekvas la tiel nomatan politikon de Petro la Granda, celanta Konstantinoplon kaj malfermon de Bosforo kaj Dardaneloj al siaj militŝipoj enfermitaj de kvindek jaroj en la Nigra Maro, pro la volo de Eŭropo.

Nuntempe, la projektoj de ambaŭ regnoj ne atingis sukceson. La Balkanaj nacioj deziras resti sendependaj de unu kaj de la alia el tiuj imperioj; ili lerte rezistis al iliaj ambicioj. Kun fulma rapideco ili metis Eŭropon antaŭ plenumita fakto. Sed certe estas, ke la diplomataroj de ambaŭ regnoj ne facile rezignos sian celadon, kaj, per aliaj vojoj, penos remeti la Balkanajn landojn sub sian kontroladon. En la intereso de la trankvileco de Eŭropo, oni devas esperi, ke tiuj projektoj ne sukcesos.

*Ekonomia aspekto.* — Se en la lastatempaj okazintaĵoj, la politikaj influoj ludis rolon certan, sed malfacile precizigeblan, ekonomiaj influoj ankaŭ partoprenis.

La Balkana krizo klare montris la gravecon de la kosmopolita kapitalismo. Oni scias, kiel tiu ĉi sukcesis akapari preskaŭ ĉiujn profitigajn aferojn, kiuj povis kreiĝi en la ankoraŭ malmulte civilizitaj regionoj de la Otomana Imperio: fervojoj, havenoj, vojoj, minoj, estas sinsekve koncesiitaj al fremdaj financistoj. La batalado nun daŭras ankoraŭ en Konstantinoplo inter tri financistaj grupoj, egale potencaj, el Francujo, Germanujo kaj Britujo. Je la epoko de la financaj malfacilaĵoj, kiuj sekvis la militon de 1876, precipe la francaj kapitaloj helpis al Turkujo por pagi la sumojn ŝulditajn al Rusujo kaj la renovigon de ĝiaj ekonomiaj fortoj. Britujo, kiu havis kvazaŭan monopolon de la ekspluatado de Egiptujo, lasis al Francujo preskaŭ liberan kampon en Eŭropa Turkujo. La interveno de la Germana Imperiestro profunde modifis tiun situacion. Naskiĝis konkurenco inter la francaj kaj germanaj influoj. La germanaj financistoj pretendis Mezan Azion kaj la fervojojn al Bagdad kaj al Persa Golfo. Je la militista vidpunkto, ankaŭ vigla estis la konkurenco: dum la armilaron de la malgrandaj Balkanaj ŝtatoj provizis francaj uzinoj, la germanaj, speciale tiuj de Krupp, provizis Turkujon

[1] Tiu artikolo estis skribita antaŭ la dua Balkana milito. Ĝiaj konkludoj, cetere, tute ne estas senfortigitaj de la postaj okazintaĵoj.

per modernaj kanonoj. La timo, ke iam Francujo kaj Germanujo interkonsentos por malfermi vojon al la Persa Golfo tra Meza Azio kaj tiel krei konkurencon danĝeran por la Suez-kanalo; aliparte la ebleco de interkonsento inter tiuj ambaŭ landoj kaj Rusujo por fine malfermi Bosforon kaj Dardanelojn, instigis Britujon reakiri en Konstantinoplo gravan influon, kiu almenaŭ egalas tiun de Francujo kaj Germanujo.

Nuntempe, aŭ batalo aŭ interkonsento okazos inter tiuj financistaj grupoj. Turkujo kaj la Balkanŝtatoj bezonas multajn kapitalojn ne sole por pagi la militelspezojn, sed ankaŭ por valorigi la naturriĉaĵojn de sia tero.

Aliaj demandoj priokupas la ŝtatistojn de tiuj regionoj ankoraŭ malbone provizitaj sur la ekonomia kampo. Ili deziras malfermi transitvojon de Danubo al Adriatiko; ĝi permesus al Bulgarujo, Serbujo kaj Grekujo, parte ankaŭ al Rumanujo kaj Rusujo, transporti iliajn produktojn, ne pagante tributon al la okcidentaj fervojoj kaj ne uzante la longajn vojojn tra Triesto, Ĝenovo aŭ Hamburgo. Alia vojo, ne malpli grava, kiun Aŭstrio esperis rezervi al siaj kapitalistoj, devas unuigi Salonikon kaj eventuale Atenon al centra Eŭropo. Ĝi permesus al ambaŭ havenoj konkurenci Brindision kaj deturni de Italujo parton de la Eŭropa trafiko al Hindujo. Ĉiuj tiuj diversaj interesoj donos al la ekonomia progresado de Balkanujo speciale internacian karakteron.

Dezirinde estus, ke la kapitaloj valorigontaj tiujn landojn, ne estu ekskluzive liverataj de la financistoj kaj rentuloj de kelkaj privilegiaj landoj. La internaciigo de la vastaj entreprenoj, tie kreitaj aŭ kreotaj, sin trudas. La tuta mondo, Azio, Afriko, kiel Eŭropo, havas gravan intereson en tio, ke la vojoj, kiuj ilin unuigas kaj alproksimigas, estu malfermataj al ĉiuj kaj fariĝu nenies monopolo.

La Balkanŝtatoj speciale estas interesataj pri tio. Ilia memstareco, prospereco kaj mondsituacio grandparte dependas de ilia ekonomia sendependeco. Se iliaj registaroj agas prudente, ili povos certigi al Oriento privilegian situacion, similan al tiu de Belgujo kaj Nederlando en Okcidento de Eŭropo; kiel tiuj landoj, ili povos vivi en longa paco kaj, kiel ambaŭ cititaj landoj, montri al la mondo, ke la aktiveco kaj entreprenemo ne postulas, ke la militarismo direktu ilian politikon.

*Jura aspekto.* — Kelkaj gravaj demandoj estas ekzamenindaj, speciale tiu pri la rajto de la popoloj deklari sian neŭtralecon. La nacioj, kies teritoriaj ambicioj estas kontentigitaj, devus havi la eblecon deklari sian neŭtralecon kaj ricevi de la aliaj nacioj la garantion pri tiu neŭtraleco. La armeoj de tiaj nacioj estus pure defendaj, kaj oni eĉ povus postuli, ke la militservo en tiuj landoj estu starigata tiel, ke atako estu praktike neebla.

La grandaj profitoj, kiuj rezultas el tiu neŭtraligo, por la koncernaj landoj, ĉu pri ilia sekureco, ĉu pri ilia riĉiĝo, estus decidiga ekzemplo por la militaristaj regnoj; oni povus esperi, ke tiuj ĉi iam interkonsentos por modifi sian militistan reĝimon, tiel ke ĝi havu pure defendan rolon. Tiaj rezultatoj baldaŭ profunde ŝanĝus la mentalecon de la diversaj nacioj de l'mondo, kaj oni povus ekvidi la eblecon de paca epoko. La armeoj ludus, je la internacia vidpunkto, tian saman rolon, kian nun havas la polico por la trankvileco kaj interna sekureco de la ŝtatoj.

Alia problemo de internacia graveco povus prezentiĝi sekve de la Balkana situacio. Oni scias la konkuradon por la posedo de Saloniko kaj la pretendon de Serbujo je la haveno Durazzo, ĉe Adriatiko. Ĉar ambaŭ urboj fariĝos la internaciaj deponejoj de komercaĵoj, venintaj el ĉiuj partoj de Oriento kaj Eŭropo, ilia administrado devus esti internacia. La reĝimo, kiu estas uzata en Tanĝero, povus esti aplikata al ili. Oni eĉ povas antaŭvidi la aplikon de tiu internacia reĝimo al aliaj marhavenoj, kie estus diversnaciaj konkuroj, ekzemple Konstantinoplo, Suezo aŭ Panamo.

Tiuj urboj de vastaj deponejoj, de kolosaj negocoj, de grandegaj kontoroj kaj de internaciaj bankoj, kosmopolite loĝataj, fariĝos mondaj civitoj, sen precize nacia karaktero. Ili estas destinataj kiel centroj de kontakto, de interkonsento kaj kunlaborado, anstataŭ esti iloj de konkurenco kaj malamo. Ilia jura situacio interesas do la tutan mondon, kaj la eksperimentoj proveblaj en Durazzo kaj Saloniko havus netakseblan valoron.

Grava demando estas tiu pri la nacieco de la loĝantoj, kiuj vivas sur la diversaj teritorioj de la Balkanlandoj. Ĉu ĉiu el tiuj ŝtatoj perforte alinaciigos la loĝantojn de fremda deveno? Aŭ ĉu tiuj loĝantoj, por eviti tion, devos forlasi la landon, kie ili estas instalitaj jam de pluraj generacioj? Ŝajnas, ke ili devus havi la rajton elekti sian naciecon, kaj ke ilia jura situacio devus esti juste garantiata de internaciaj reguloj.

La problemo pri la individua statuto en la landoj kun pluraj naciecoj devus esti ekzamenata de internacia jurista konferenco, kiu certe povus, sur tiu delikata kampo, eltiri kelkajn kondukantajn principojn, anstataŭ forlasi la solvon de tiaj malfacilaĵoj al ŝtatoficistoj, eble gvidataj de blindaj antaŭjuĝoj rasaj, politikaj aŭ religiaj. Se ĝi ne plenumus tiun devon, Eŭropo vole-nevole estus kulpa je la plej netolerindaj atencoj kontraŭ la homa digneco kaj libereco.

*(Daŭrigota.)* Laŭ *H. L. F.*

Trad.[1] *A. R.*

 SOCIA VIVO 

## Notoj pri Svisujo

III

La regadsistemo de Svisujo prezentas diversajn apartaĵojn, kiuj estas ofte malbone konataj de la fremduloj aŭ prezentataj al ili en tro komplika formo. Ni do dediĉos kelkajn klarigojn al tiu grava punkto, pri kiu tiu lando enkondukis diversajn novaĵojn.

Svisujo estas konfederacio de 22 memstaraj kantonoj, ĉiuj en respublika formo. Oni pri tio povas kompari Svisujon al Usono, al kelkaj amerikaj respublikoj kaj anglaj kolonioj (ekz. Aŭstralio), sed ne al Germanujo. La federala konstitucio fiksas la kompetentecon de la Konfederacio. Ĉio kio ne estas speciale federala afero estas prizorgata de la kantonoj, kiuj pri tio konservas sian memstarecon. De 1848 — dato de la konstitucio, kiu post diversaj modifoj, ankoraŭ regas Svisujon — la kompetenteco de la Konfederacio multe plivastiĝis; pri multaj aferoj la kantonoj perdis parte aŭ tute sian memstarecon. Estas prizorgataj de la Konfederacio la eksteraj rilatoj, la armeo, la mono, la poŝtaj servoj, la dogano, la fervojoj, la civila juro (baldaŭ ankaŭ la punjuro); ĝi ankaŭ estas kompetenta pri la gravaj publiklaboroj, pri certaj punktoj de socia leĝofarado kaj higiena protektado. Restas al la kantonoj la demandoj pri interna administrado, polico, publikaj laboroj, instruado, sociaj leĝoj, ekster pri punktoj speciale rezervataj al la Konfederacio.

Pri ĉiuj federalaj aferoj leĝofaras la federala Parlamento, konsistanta el du egalrajtaj ĉambroj elektataj de la popolo: unu sur la bazo de la loĝantaro (Nacia Konsilantaro), alia konsistanta el du anoj po kantono (Kantonara Konsilantaro). La aplikadon de la leĝoj kaj la direktadon de la federalaj aferoj prizorgas la registaro, nomata Federala Konsilantaro, kiun balotas la Parlamento trijare. Ĝi konsistas el sep membroj, el kiuj ĉiu direktas specialan fakon kompar-

[1] El *La Vie Internationale.*

eblan al ministerio. Inter ili la Parlamento balotas ĉiujare la Prezidanton de la Konfederacio, kiu nur prezidas la Federalan Konsilantaron, sed ne havas pli da rajtoj ol siaj kolegoj.[1] En la parlamentaj landoj la regnestro, prezidanto aŭ monarko, elektas la ministrojn, kiuj restas ĝis eksiĝo, sekve de malfavora voĉdonado de la Parlamento. En Svisujo kontraŭe, la Parlamento mem balotas por difinita tempo la registaron, kiu estas kvazaŭ ĝia supera oficistaro. Do, en Svisujo ne okazas ministraraj krizoj, tiel oftaj en diversaj regnoj.

Alia svisa specialaĵo estas la institucio de la referendumo kaj de la iniciatrajto: Se 90 tagojn post kiam la Parlamento voĉdonis ian leĝon, 30.000 regnanoj almenaŭ ĝin skribe postulas, tiu leĝo estas submetata al la popola voĉdonado (Referendumo). La iniciatrajto permesas al minimume 50.000 regnanoj postuli, ke estu enkondukata ŝanĝo aŭ aldono en la konstitucio; kiel ajn opinias la Parlamento tiu propono estas submetata al la popola voĉdonado. Ambaŭ rajtoj estas ofte uzataj. Dank'al la unua, la popolo povas nuligi leĝojn akceptitajn de la Parlamento; dank'al la dua ĝi povas trudi leĝojn, eĉ se la Parlamento male opinias. La sperto montris, ke sufiĉe ofte la popolo ne konsentas kun sia Parlamento, kvankam tiun lastan elektas la popolo mem. La lasta instanco estas do, ne la popolaj reprezentantoj, sed la popolo mem. Tial oni diras, ke Svisujo estas *demokratia* respubliko kaj Francujo *parlamenta* respubliko.

La kantonoj mem ellaboras sian apartan konstitucion. Krom pri detaloj, tiuj konstitucioj estas tre similaj: Unuĉambra Parlamento (Granda Konsilantaro) leĝofaras, kaj registaro de 5 ĝis 9 membroj (Ŝtata Konsilantaro), kiun balotas ĉu la popolo, ĉu la Parlamento, aplikas la leĝojn. En preskaŭ ĉiuj kantonoj ekzistas ankaŭ la referendumo kaj iniciatrajto pri kantonaj aferoj; eĉ en kelkaj, ĉiuj leĝoj nepre devas esti voĉdonataj de la popolo. En iaj lokoj la popolo ne nur voĉdonas pri ĉiuj leĝoj, sed ankaŭ balotas la Parlamenton, la registaron, la juĝistojn, la policestrojn, eĉ la instruistojn! La svisa regnano estas okupata; li voĉdonas plurfoje en la jaro. Oni do ne miru, ke ofte la nevoĉdonantoj estas multaj. Por tion malhelpi malmultaj kantonoj enkondukis la devigan balotdevon. Ĉio estas relativa: dum en iaj landoj oni pafas tiujn, kiuj deziras voĉdonrajton, en Svisaj kantonoj oni monpunas tiujn, kiuj ne uzas ĝin! La memstareco de la kantonoj havas tiun profiton, ke, krom tio, ke ĝi estas tute konforma al la tradicio kaj al la spirito de la popolo, ĝi permesas al la kantonoj fari eksperimentojn pri tia aŭ alia fako. Se ekz. socia leĝo montriĝas praktika en iu kantono, aliaj kantonoj ĝin imitas. Tiel, progresoj povas realiĝi laŭ eksperimenta metodo; dubaj progresoj aŭ utopioj restas limigitaj kaj ne endanĝerigas la tutan landon. Aliparte la kantona memstareco ne ĝenas la loĝantaron, ĉar ĉiuj gravaj servoj kaj aferoj estas federalaj.

En la kantonoj la politikaj bataloj estas ofte viglaj, sed ne profundaj; ili ĝenerale rilatas al personoj aŭ al malgravaĵoj. En la Konfederacio mem, la politika atmosfero estas plej ofte tre trankvila. Gravaj demandoj mankas: la politikan reĝimon ĉiuj senkonteste akceptas; Svisujo pro sia neŭtraleco ne havas eksteran politikon. La federala Parlamento do okupiĝas precipe pri administrado, fervojaj temoj kaj publiklaboraj demandoj. De 60 jaroj regas la sama partio (radikala); kvankam ofte kaprica pri la leĝoj, la popolo estas nature konservema pri la homoj

Ankoraŭ kelkajn vortojn pri la armea sistemo, kiu ofte estas propagandata de alilandaj pacifistoj kaj socialistoj. La armeo estas milicio kun pure defenda celo. La militservo estas deviga, ekster la esceptoj pro fizika malforteco, de 20 ĝis 50 jaroj (1ª klaso de 20 ĝis 32 jaroj, 2ª klaso de 32 ĝis 40, 3ª klaso de 40 ĝis 50). La novaj soldatoj plenumas servon mallongan por instruiĝi[1]; poste ili plenumas ĉiujare, kelktagajn ekzercperiodojn. Granda atento ankaŭ ekster la servtempo, estas donata al la pafado. La komandantaj oficiroj, ekster kelkaj malmultaj superuloj, estas neprofesiuloj. Ili plenumas pli longan militservon, sed ekster tio laboras je sia profesio; sed la *instruantaj* oficiroj estas profesiuloj. Por defendi sian neŭtralecon, Svisujo havus armeon de ĉirkaŭ 250.000 viroj ekzercitaj.

*(Daŭrigota).* *H. H.*

[1] Li do neniel estas teorie komparebla al la Prezidanto de la Franca Respubliko aŭ de Usono. Li havas nenian specialan rolon. Ĉar li ŝanĝiĝas ĉiujare, multaj svisoj eĉ ne konas lian nomon! Nur pri la Federala Konsilantaro, kiu estas la registaro, oni okupiĝas.

[1] Infanterio kaj ĝenio: 65 tagojn; artilerio: 75 tagojn; kavalerio: 90 tagojn.

---

## Nova formo de Mutualeco

II

La gastitoj laboras, ĉu en la Domo je facilaj manlaboroj, ĉu ekstere ĉe la privatuloj. Ili estas vestataj, loĝataj kaj nutrataj en la Domo mem, laŭ elpreno malgranda el iliaj ĉiutagaj salajroj, elpreno kiu, ne estas bezone diri, multe malsuperas la elpezojn kaŭzatajn de tio. La pliaĵo el iliaj salajroj estas enskribata en ilia kredito, por esti redonata al ili ĉe ilia foriro. Cetere ili povas, dum sia gastado, disponi parton de tiu ŝparitaĵo, por havigi al si kelkajn dolĉaĵojn: vinon, tabakon, poŝmoneron k. t. p.

Por la bona konduko de la Domoj, la Direktoroj rajtas, ĉiam laŭ la kontrolo de la Administra Konsilantaro, senigi la gastitojn, pro mankoj, je vino, tabako, eliro, kaj peti ilian eliron. Ili eĉ povas, en la neprokrasteblaj okazoj, ilin tuj forpeli, kondiĉe, ke ili tuj raportu pri tio al la Administra Konsilantaro.

Dum la restado de la gastitoj, la Direktoro kaj la Administra Konsilantaro klopodas por havigi al ili firman oficon. Estas cetere interese, ke ili mem profitu siajn elirojn por serĉi tiun oficon. Se ili ne sukcesas, dum la ses monatoj de gastado, akiri tian oficon, ili povas esti rajtigataj subskribi novan kontrakton je samaj kondiĉoj kaj sama daŭro, kondiĉe, ke ili pruvis neriproĉeblan konduton kaj la plej bonan inklinon al laboro.

Tia estas ĝenerale la organizo de la gastamaj Domoj de helpo per laboro, kiuj permesas, ke la malbonŝanculoj kaj la malliberuloj liberigitaj, kiuj deziras reakiri respektindan lokon en la Societo, evitu kondamnon pro vagado, kiu farus ilin, preskaŭ neeviteble, dum ilia tuta vivo, loĝantoj de pundomoj.

Kiel ĉe ĉiuj aliaj societoj de reciprokaj helpoj, la administrado de la administraj kaj direktaj konsilantaroj de la Domoj de helpo per laboro estas, kiel diras, laŭ vortoj tiom noblaj, S-ro de *Pachtère* en sia *Parolado pri la Mutualeco* „esence senpaga. Ili estas esperontaj neniun profitan oficon; ili faras la bonon nur pro la bono, sen intenco de gajno; ili plenumas socian devon favore al la socio, havas sian plej belan rekompencon en la estimo kaj la dankemo de siaj komisiintoj, kaj ankoraŭ pli en la kontenteco de la plenumita devo: ili, unuvorte, praktikas la *Veran Mutualecon.*"

Ni kline salutu do la du kuraĝulojn, kiuj, la unuaj en Francujo, havis la malavaran penson plibonigi tiun formon de la Mutualeco, kreante en *Chartres* la unuan Domon de helpo per laboro. Kaj ni, la Mutualistoj, kiuj havas, ne nur sur la lipoj sed ankaŭ en la koro, tiun belegan devizon, pri kiu ni estas rajte tre fieraj. „Ni amu, ni helpu, unuj la aliajn", laboru fervore, ĉiu laŭ niaj fortoj, pri la kresko kaj

la disvastiĝo de la afero, tiom utila kaj tiom bela, de homamo kaj de socia antaŭzorgemo, kiun oni nomas: la Domoj de helpo per laboro!

*L. Demarcy,*
Leĝoscienca Licenciato
Sekretario de la afero de la Domo de helpo per laboro por la Departemento de l'Oise

## La filozofi-religia kongreso en Parizo [1]

Dum julio 1913 okazis en Parizo kongreso, kies konsekvencojn neniu klera spirito povas antaŭnei. Granda nombro de reprezentantoj el diversaj religioj kaj el la ĉefaj filozofiaj skoloj kunvenis por libere interparoli pri ĉio, kio koncernas la religian progreson en ĝia plej vasta amplekso.

La kongreso estis prezidata de unu el la plej eminentaj pensuloj, kiuj honoras la francan filozofaron, S-ro Emile Boutroux, ano de la franca Akademio. Inter la honoraj prezidantoj oni povas citi: Profesoron Troeltsch, el Heidelberg, unu el la famuloj de la germana teologio; rabenon Cesar Seligmann, el Frankfurt; Sir Richard Stapley, el Londono; la pundit Sivenath Sastri, el Calcutta; Sant Altar Singh, ano de la Sikh'a asocio de Pendjab; valorajn reprezentantojn de la Ceylon'aj kaj ĥinaj budhistoj kaj mahometanojn el Tokio; fine la estron de la Persaj behaistoj, Abdul Beha. Multnombraj orientaj delegitoj partoprenis la kongreson kie, aliparte, S-ro Edouard Schuré estis petata reprezenti la teozofan esoterismon.

Tiu iniciato celas kunvenigi, unuflanke ekleziulojn aŭ kristanajn aŭ nekristanajn teologiistojn, respektemajn pri la rajtoj de la liberpenso, kaj aliflanke, filozofojn respektemajn pri la religia sento.

„La kongreso, diras la alvoko, ne altrudas aŭ ne malakceptas ian *„credo“*. Ĝi nur celas grupigi, por pli efika agado, ĉiujn, kiuj, inter la malsameco de la religiaj formuloj nepre bezonas saman spiritan renovigon, saman sopiron al justeco kaj amo, al homa frateco kaj reciproka respekto.“

S-ro Emile Boutroux precizigas la celon kaj karakteron de la okazontaj diskutoj:

„Kun granda plezuro, mi aliĝis al entrepreno, kiu povas kaŭzi alproksimiĝon inter homoj sinceraj kaj toleremaj speciale servantaj iun eklezion, kaj la filozofoj, kiuj konsideras la faktojn je racia vidpunkto.

Mi penados, en mia parolado, elmontri, ke nenia reciproka forigo ekzistas en la religiaj principoj kaj la fundamentoj de la filozofio, ke sur la aparta kampo de la moralo, estas tute eble efektivigi akordon, ne inter la detaloj de la religiaj dogmoj kaj la filozofio, sed inter la vera religia spirito kaj la filozofia spirito. Tiaj interŝanĝoj de opinioj estas difinitaj por malakrigi la reciprokajn batojn, kiuj nepre okazas inter la diversaj opinioj en niaj nuntempaj socioj. Min ne kontentigas la ĉiutaga tolerado; la elportado de la opinio de la aliaj ne estas sufiĉa, oni devas sin reciproke respekti, kompreni kaj estimi, por ke la paco regadu. Estas necese, ke ĉiu studu konscience kaj simpatie, la opiniojn diferencantajn je la sia.

Sur tio kuŝas la fundamento de la vera tolerado, kiu estas ne nur provizora pacienco sed inteligenteco sin apoganta sur serioza ekzameno.

La filozofio estas laŭnature difinita por esti ligilo inter la religio kaj la scienco. Ĝia celo estas la akordigo, kiu rezultas el la studado de la rilatoj inter la objektoj. Ĝi alproksimigas la sciencon kaj la religion kondiĉe, ke la religio respektu la pensadon, kaj ke la scienco ne ekskluzive pritraktu la fenomenojn arte senigitajn je la vivaj realaĵoj.

Kiom da ŝajnaj kontraŭdiroj povas esti ebenigitaj, kiam la homoj pripensas! La serĉado de la rilatoj inter la diversaj fakoj en la konoj, plivastigante la intelekton, aperigas la parencecon de opinioj, kiuj ŝajnis nekunekzisteblaj. — Ĝi fortikigas aparte la ligilon inter la estinteco kaj la estonteco. Kiam Victor Hugo diris: „Tio ĉi mortigos tion“, li ne elmontris filozofian spiriton. La estonteco ne neniigas la estintecon; ĝi eliras el ĝi logike kaj sin apogas sur ĝi. La tasko de la filozofio estas elekti inter la mortontaj elementoj de la opinioj kaj de la pasintaj civilizacioj, kaj tiuj, kiuj kontraŭe, fruktodonigos kaj fortikigos la estontan evoluadon.

Same kiel por la individuo, la ecoj de la juneco kaj de la maljuneco devas laŭeble kuniĝi, por formi plenan homon, la estinteco kaj la estonteco devas kunlabori por la progreso de la anaroj. Necese estas kunigi la kuraĝon, la lertecon kaj la entreprenemon, kiuj estas la ecoj de la juneco, kun la singardemo kaj la firmeco de la juĝado, kiuj karakterizas la maljunecon. Tiel la filozofia spirito harmoniigas ideojn, kiujn oni povis kredi malamikaj aŭ neakordigeblaj, kiel scienco kaj religio. En la direkto de tiu supera harmonio, mi provos gvidi la laborojn de nia kongreso.“

Trad. *F. Baronnet* (Del. Châteauroux).

[1] Artikolo prokrastita ĝis nun pro manko da loko; la kongreso *jam okazis* (Red.).

## Svisaj pejzaĝoj

La Organiza Komitato de la Berna Kongreso havis la feliĉan ideon, okazigi la oficialan kongresan ekskurson al unu el la plej belaj partoj de Svisujo, al la fame konata Berna Oberlando. Tia ekskurso, bone preparita, fariĝos memorinda tago. Certe jam multaj samideanoj konas tiun ĉi regionon, ĉar ĉiujare amaso da eksterlanduloj vizitas ĝin. Ĉiu, kiu iam vidis tiun juvelon, volonte revenos, kaj la ceteraj tute prave ne volos veni Bernon, ne partoprenante en la malmultekosta, (ĉar proksime de la kongresurbo) komuna migrado al la Berna Oberlando.

Estus krimo kontraŭ la naturo, priskribi la belecon, la vidindaĵojn, eĉ la impresojn ricevotajn, ĉar nepre ne eble estas skribe redoni fidelan bildon. Nur la propra okulo kapablas akcepti laŭfakte ĉion vidindan. Tamen malgrandan, sed des pli privilegiite lokitan urbon ni citu — konatan kiel „Enirejo de l'Berna Oberlando“ — la urbon *Thun.*

Reveninte vaporŝipe de la centra fremdulejo Interlaken, la kongresanoj iomete konatiĝos kun tiu ĉi urbeto, ĉar la Thunaj samideanoj plenĝoje kaj gastame vin akceptos je vespermanĝo kaj komuna vesperfesto en la kursalo. La tempo ne ebligos rondiron en la urbo, tial ni provu priskribi plejeble mallonge la „Enirejon“. Pri la „Interno“ ni ne kuraĝas ion diri; post ĝia vizito ni lasos al vi la parolon.

De kie ajn la vojaĝanto alproksimiĝas al la urbo Thun, ĉiam jam de malproksime la ĉefa proprajo de la urbo, la Zaeringa Kastelo lin salutas. La Thunanoj estas fieraj pro ĝi, ĉar al la pejzaĝo ĝi donas apartan stampon. Kiu iam vidis Thunon kun la Kastelmonto, ĉu de la lago, ĉu de la ebenaĵo, tiu ĝin ĉiam revidas en sia spirito.

La Kastelmonto mem estas mirinda elvidejo, montranta al la ravata observanto bildon plenan je ĉarmo kaj harmonio. La rivero Aare forlasas sian purigantan basenon, la belegan Thunan lagon, kaj klare ĝiaj ondoj forfluas, kvazaŭ per du brakoj ame ĉirkaŭantaj la urbon, al la svisa ĉefurbo. Per gajaj saltoj, murmurante kaj ŝaŭmante, ĝi formas plej proksime de l'urbo ankoraŭ kelkajn tre vidindajn akvofalojn. Printempe, kiam la varmega spiro de la regiona vento forfandas de la Alpoj la neĝamasojn, tiam grandaj akvokvantoj ruliĝas al la lago, tiel ke ĝi ŝvelas kaj plivastiĝas.

Serioze kaj silente, de neniu alia loko tiel plene videbla, la monto Stokhorn (aspektas kiel dromedaro) salutas je l'okcidenta horizonto. En la direkto de l'sunleviĝo la Gruesis-

berg (terureta monteto) vidiĝas kun siaj vastaj arbaroj, kiuj tamen tute ne aspektas „terurete" male: Ĉarmaj promenejoj kondukas nin en la ombro de altkreskaj abioj supren al la Rappenfluh, ŝtonega kupolo, kiu ebligas tre ĉarman perspektivon al la urbo kaj ĉirkaŭaĵo.

Apenaŭ du cent paŝojn orienten marŝinte ni troviĝas ĉe la Reforma Preĝejo je la ekstrema fino de l'Kastelmonto. Mirinde bela, vere unika estas la perspektivo je suda direkto. Plej proksime la rigardo ektuŝas la ĉarman Aare-basenon, kiu, ĉirkaŭata de vilaoj, hoteloj, koncertejo, kaj ornamata per belaj diversspecaj arboj idilie aspektas. Ni levu iomete la rigardon: Jen la brila lago, malantaŭe ni ekvidas verdajn montetojn, kvazaŭ leviĝintajn el la akvaro; la piramidforma monto Niesen larĝe etendas ĉe la lagbordo sian bazon; blanka brilo ĉiam pli kaj pli vidiĝas: Nia rigardo ektrafas la glaciejojn de la Bluemlisalp.

Kiu, per komprenemaj okuloj, iam tiun bildon vidis, tiu certe ĝin eterne konservas en sia memoro. Belege! ni ekkrias, se frumatene la leviĝanta suno radiiigas la suprojn de l'montegaro, ne malpli bele estas vespere, kiam la lastaj radioj de l'suno la tutan montoĉenon orumas. Rilate al pejzaĝa beleco Thun rajtas konkuri por la palmo. Ankoraŭ amason da citindaĵoj ni povus priparoli. La fremdulo, kiu restas kelkan tempon en Thun, neniam enuas. Ho, tute ne! Se li ŝatas alproksimiĝi al la Alpoj, vagonaro aŭ vaporŝipo rapide lin forkondukos Oberlandon. Se li preferas nur mallongan promenadon, jen granda nombro da ili. Li vagu laŭlonge de l'rivero: Ir- kaj reirado de l'boatoj, vel- kaj vaporŝipoj plene okupas liajn okulojn, li aliru vegetadoplenan parkon kaj juvelo ekaperos al li, la kastelo Schadaŭ, belega konstruaĵo laŭ angla-gala stilo. Apud tiu pompaĵo staras la malluksa, modesta preĝejeto de Scherzligen, unu el la plej malnovaj en Svisujo. Apudestaj fiŝkaptistaj dometoj atentigas pri transŝipejo. Iom pli fore vidiĝas la kasteloj Chartreuse kaj Hünegg, ambaŭ ĉirkaŭataj de mirinde belaj parkoj. Multaj vilaoj, intermiksitaj kun kamparanaj domoj, parte ĉe la lagbordo, aliparte sur altaĵoj, ĉie bonvenigas la migranton. — Jen etendiĝas intermonta valeto: La Kohleren, jen falegas de ŝtonego al ŝtonego freŝa ŝaŭmanta rivereto; petoleme la koboldo saltas de vertikalaj muroj en profundajn basenojn, por, elirinte el ili, ree formi akvofalojn. De la supra fino intermonta la vizitanto ekĝuas nekompareblan elvidon al la urbo, lago, montaro k. t. p.

Kiu intencas kompletigi sian desegnaĵujon, ne per bildoj pri montoj, akvofaloj, nek vilaoj kaj parkoj, sed per ilustraĵoj de l'enurba vivado, kie ĝi montriĝas esence karakteriza, tiu ĉi vizitu la ĉefstraton kun ĝiaj originalaj laŭboj, arkadoj kaj unikaj, altaj trotuaroj por piedirantoj. Malavare prezentiĝas pentrindaj motivoj. Dum foirtagoj ankaŭ surrivere regas vigla rondiro de transportŝipoj, kaj tiam krajono moviĝu, ĉar tre rapide malaperas la konstante alternantaj scenoj plenaj de ĉarmo.

Jam de longe la vojaĝantaro eltrovis la unikan, bele lokitan urbon: Reĝoj, princoj, poetoj, muzikistoj k. t. p. elektis Thunon kiel libertempejon, restadis ĉi tie kelkajn monatojn, trovis fortiĝon en korpa kaj intelekta rilatoj, kaj ĉiujare revenis ĉi tien, ĉar la Thunan regionon favoras agrabla, milda klimato.

Konscience ni do povas inviti la kongresanojn al nia regiono! *Esp. Grupo en Thun.*

# ❁ NOTOJ ❁

.·. **Felix Weingartner — Berta von Suttner.** — Aŭstriaj muzikaj kaj pacamaj rondoj festis dum junio la naskiĝajn datrevenojn de du samlandaj eminentuloj, kies nomoj kaj verkoj glore traflugas la tutan mondon.

Ni donas ĉi tie mallongajn biografiajn skizojn de tiuj ambaŭ eminentuloj — muzikisto Weingartner kaj pacifistino von Suttner, kiuj pro sia internacia famo meritas certe ankaŭ bonvolan atenton de nia legantaro.

— Felix Weingartner naskiĝis en Zara la 2 junio 1863. Perdinte sian patron en 1868, li kun sia patrino transmigris Graz'on, kie li finis la popol- kaj mezlernejojn. En 1881 li enskribiĝis en la Leipzig'a universitato por studi filologion, sed baldaŭ forlasis ĝin por sin tute dediĉi al muzika studo, kiun li sukcese finis 1883 en Leipzig'a konservatorio. Unu jaron poste li jam verkis sian unuan operon „Sakuntala", kies sukceso lin decidigis fariĝi orkestra direktoro. Nun komencas lia longa migrado en diversaj teatroj de Germanujo kiel orkestra direktoro ĝis li en 1891 fariĝis direktoro de la reĝa orkestro en Berlino. Depost tiu jaro li entreprenis kelkajn rondirojn — precipe fama la rondiro en Ameriko. En 1908 li venis Wien'on kiel direktoro de la kortega opero, kiun postenon li ankaŭ nun havas. Li distingiĝas per nesuperebla majstreco en la direktado de la muzikaj geniaĵoj, precipe de tiuj de Beethoven, kaj estas konata en la muzika mondo kiel verkisto de kelkaj operoj (Sakuntala, Malawika, Genesius, Orestias), de multaj sinfonioj, romancoj k. t. p.

— Berta von Suttner naskiĝis en Prag (Praha) la 9 junio 1843. Edukita en aristokrataj rondoj ŝi kontraŭvole edziniĝis je barono Arturo Gundakar von Suttner. Tiutempe eknaskiĝis en ŝi forta deziro je verkado. Post tuta serio de romanoj kaj noveloj ŝi skribis 1890 la romanon „Malsupren la armilojn" (Die Waffen nieder), kies famo jam estas monda pro ĝia energie esprimita pacifista tendenco. En 1892 ŝi fondis kune kun la konata pacifisto Fried (nia samideano) la unuan germanan revuon por la internacia paco. En 1905 ŝi ricevis la Nobel-premion por internacia paco. Ŝia plej nova pacifista verko „Altaj pensoj de la homaro" (Hochgedanken der Menschheit) vekis ĝeneralan atenton kaj havis nekontesteblan sukceson. — *Rubčić* (Del. Zara).

.·. **Centjaruloj.** — Statistiko diras, ke en Eŭropo vivas nun pli ol 7000 homoj en aĝo de cent jaroj kaj pli. Nome en Bulgarujo 3883, en Rumanujo 1047, en Serbujo 573, en Hispanujo 410, en Francujo 213, en Italujo 197, en Aŭstrio-Hungarujo 113, en Anglujo 92, en Rusujo 89, en Germanujo 76, en Norvegujo 23, en Svedujo 10, en Belgujo 5, en Danujo 2. La plej vivemaj el Eŭropaj popoloj estas sudanoj kaj precipe balkananoj. Sur kontraŭa fino de la vico estas la nordanoj, nome la skandinavoj. Ĝi pruvas al ni, ke la longa vivado dependas ne (aŭ ne nur) de la kultura ŝtupo, sur kiu staras la nacio: en Bulgarujo la nombro de centjaruloj faras preskaŭ 10 %, de tuta enloĝantaro, en multe pli kultura Skandinavio (Svedujo kaj Norvegujo) ĝi egalas 0,0004 %, en Danujo 0,0001 %, en Belgujo nur 0,00007 %. — *D. Vigodskij.*

.·. **Eŭropaj elmigrantoj.** — La plej grandan nombron de la elmigrantoj donas Italujo. 450.000 italoj forlasis en 1912 sian patrujon por serĉi feliĉon en fremdlando. En la sama jaro el Anglujo elmigris 310.000 homoj, el Aŭstrio-Hungarujo 290.000, el Rusujo 100.000, el Germanujo 30.000, el Belgujo 28.000, el Francujo 13.000.

.·. **Kreo de tutmonda centro en urbeto „Ostia".** — La norvega skulptisto Hendrik Cristian Andersen estas ricevita de la Reĝo de Italujo, al kiu li klarigis grandan projekton krei sur la rivera bordo de la urbeto Ostia grandan tutmondan centron per la konstruo de internacia urbo, kiu enhavus ĉiujn institutojn je kosmopolita karaktero, nun dislokitajn tra la mondo, aŭ kiujn la modernaj teorioj konsilas. Devus stari, inter aliaj institutoj internaciaj, tiuj por la Korpa Edukado, por Belaj Artoj, la Banko, la Alta Juĝejo, la palaco de la Religioj, k. t. p. La propono akompanata de belegaj desegnoj, planoj kaj financ-projekto estas prezentita al la Reĝo, kiu tre interesiĝis pri la ideoj de S-ro Andersen.

# Bileto de blankbarbulo

*Pro doloraj familiaj cirkonstancoj, mi ne povis verki tiun ĉi fojon mian kutiman bileton. Mi tamen tre deziras altiri senprokraste la atenton de miaj legantoj sur rimarkindan artikolon, kiun publikigis en „*Le Monde Espérantiste*" (juin 1913) S-ro Raymond Evrot, la filo de nia konata kolego. El ĝi mi citos nur du aŭ tri fragmentojn, sed ili sufiĉos por montri la filozofian gravecon de la laboro de nia juna kunbatalanto:*

Esperanta movado devis elekti inter multaj diversaj vojoj: Ĉu ĝi obeos nur sciencon kaj logikon, ne koron kaj intuicion? Ĉu ĝi estos pensa aŭ aga? Ĉu ĝi estos sciencista aŭ popola? Ĉu ĝi turniĝos al libereco, t. e. al fundamento, aŭ al rigida gramatika determinismo? Ĉu ĝi estos pure lingva, prilogika afero, aŭ socia movado? Ĉu fine kaj resume Esperanto estos Universala aŭ Internacia lingvo? Tiujn problemojn kaj multajn aliajn, gravedajn je konsekvencoj, solvis, solvas kaj daŭrigos solvi nia Esperanta movado...

En ĉambro, sola, homo laboradas; kion li faras? Antaŭ li kuŝas papero, sur kiu li skribas en ankoraŭ nekonata lingvo. Li ne diskutas: li verkas poezion! li parolas kun si mem en la kreata lingvo. Faktoj riĉegaj je konsekvencoj kaj instruoj! La Doktoro eksperimentas ĉu la lingvo, kiun li ne nur per racio, sed ankaŭ per amo kreis, kapablas vivi; al vivo, ne al logiko, apartenos laŭ li la deklaro de ĝia venko; tial ne en vortaron, sed en verkon, li kunmetas vortojn; la afero ne estas ja pure lingvistika; al la amasitaj materialoj de scio aldoniĝas io nereduktebla al logikaj interrilatoj, mi volas diri: intuicio. Kiel tion diras la filozofo Schopenhauer „granda eltrovo estas tuja kompreno, unumomenta verko, ekvido, ideo, kaj tute ne la produkto de serio da rezonadoj." (*La mondo kiel volo kaj apero*, I-6.) Jes, Zamenhof komprenis, „ke la lingvo bezonas ankoraŭ ian nekapteblan *ion*, la kunligantan elementon, donantan al la lingvo vivon kaj difinitan tute formitan spiriton." Pro tio li „komencis tiam evitadi laŭvortajn tradukojn el tiu aŭ alia lingvo kaj penis rekte pensi en la lingvo neŭtrala." (*Letero pri la deveno de Esperanto.*) Malvarma, nurracia scienco (ni devas tion bone konscii) ne sufiĉis por la elfaro de Esperanto. La Majstro ne nur rezonis: li provis simpatii kun sia verko. Li tuje vidis, dank'al subita lumo aperiganta la plej kaŝitajn angulojn de lia glora konstruaĵo, ke ĉio estas belege proporcia, ke ĉio kunteniĝas, ke ĉio harmonias! Tial Esperanto ne estas nur sciencaĵo, sed arta, delikata verko animon entenanta, kaj pro tio ĝin oni ne povas laŭmane trakti, palpadi ŝanĝi, korekti...

Esperanto, estante ne nur scienca, sed arta afero, devis necese sin apogi sur firma fundamento, konsistanta el minimumo da reguloj. Dank'al tiu fundamento estas certigata la libereco de l'individuo, kiu povas pli bone esprimi sian personecon ol en science determinata lingvo. Sinonimo de fundamento estas: libereco!"

*Kun kia ĝojo mi salutas la aperon en niaj vicoj de tia juna talento, mi ne bezonas diri. Jam ekzistas kelkaj, kiuj vere komprenis, kion signifas* vivanta *lingvo kaj kiamaniere oni ĝin* vivigas. *Ilin konas ĉiuj kaj tie ĉi ne estas necese, ilin nomi. Baldaŭ ni havos skolon Esperantan de junuloj, kiuj laboros ne por aŭ kontraŭ homo, sed kun plena konscio, por la efektivigo de* klara *ideo, laŭ difinita programo. Baldaŭ povos ripozi la blankbarbuloj, ĉar plenkonfide ili povos transdoni la armilojn al pli junaj manoj, kies spertecon ili jam konstatis.*

*Kaj nun, amikoj, ĝis la revido post du monatoj: libertempon mi nepre bezonas.*

Th. Cart.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Belostok* (Rus.). — Grupeto de samideanoj eldonis kovertojn kun gramatiko de Esp. kaj poŝtkartojn kun priesperanta teksto. Pri tiuj eldonaĵoj aperis notoj en la lokaj gazetoj. — L. A.

*Heerenveem* (Nederlando). — La 11 julio fondiĝis nova esp. grupo. — H. W.

*Regensburg* (German.). — Kvardek geanoj de la rondo Regensburg faris la 29 junio ekskurson al Eggmühl. Post kantado de esp. kantoj, recito de poemoj kaj post konvinka parolado de S-ro H. Reuss fondiĝis nova grupo „Eggmühl kaj ĉirkaŭaĵo" kun proksimume 30 membroj. En la grupo instruas S-ro paroĥestro Lintl el Pfakofen. — H. R.

**Novaj kursoj.** — *Miskolc* (Hungar.). — Post la propaganda parolado de S-ro Giesswein komenciĝis la 14 julio du senpagaj kursoj kun 80 lernantoj, gvidataj de S-roj Györi Nagy kaj Kolocsay. — G. N.

*Saarbrücken* (German.). — Komenciĝis nova kurso kun 15 anoj gvidata de S-ro André. — A. H.

*Weinböhla* (German.). — En lerneja ĉambro, kiun la ĉi tiea lerneja estraro metis je dispono, S-ro A. Sohrmann donas privatajn lecionojn de Esp. al 22 geknaboj. Ili tre deziras korespondi kun samaĝaj gesamideanoj el tuta mondo. Adreso: A. Sohrmann, Kronprinzenstr. 5, Weinböhla, Saksujo.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Internacia Esp. Semajno-Kongreso en Gent.* — La kongreskarto kostas nur Fr. 2.50 (1 Sm.) kaj rajtigas eniri senpage la Ekspozicion dum la tuta daŭro de l'kongreso, ĉeesti la diversajn festojn kaj ricevi la kongresajn dokumentojn. Por la aliĝoj oni bonvolu sin turni ekskluzive al S-ro J. Barbe, 125, Kerkstraat, Gendbrugge (Gento); por la loĝado al F-ino R. Schepens, 14, Rue Ch.-L. Dierickx, Gento, kaj por ĉiuj sciigoj pri la kongreso al S-ro H. Petiau, 60, Boulevard St-Liévin, Gento. La malfermo de la akceptejo okazos la 13 aŭgusto kaj la kongreso estos malfermata la 15 aŭgusto. La programo estas tre interesa kaj konsistas el vizitado de la urbo, vizitoj de la Ekspozicio, teatro, balo, koncertoj kaj diversaj festoj. La ĝenerala labora kunsido okazos la 17 aŭgusto.

*Dua Tutruslanda Kongreso Esperantista.* — Ĝi okazos en Kiev de la 17—19 aŭgusto 1913. La ministro de Internaj aferoj permesis ĝin kaj oficialigis la jenan laborprogramon: 1. Ĝenerala propagando; 2. instruado de Esp. en ŝtataj lernejoj; 3. Esp. librovendado kaj libroeldonado; 4. Organizaĵo de ruslandaj esp. institucioj; 5. Organizo de ruslandaj kongresoj. La diskutado kaj la raportoj estas permesitaj ankaŭ en Esp. Provizoraj kartoj estas sendotaj tuj post ricevo de l'kotizo (Rb. 3.—) de S-ro J. Borodkin, Dumskaja pl. magazin Okladĉik. Familianoj de kongresanoj povas pagi nenion, sed ricevas nek balotvoĉon nek raporton. Sekretarioj-organizantoj: G. Jaĵgunoviĉ, M. Kiperman, Kuzneĉnaja 69, V. Traĉevskij, B. Podvolnaja 25.

*Kvara kongreso de la Unuiĝo Internacia Vegetarista.* — Ĝi okazos en Hago la 24 ĝis la 26 aŭgusto. Kongreskartoj po fl. 3 estas haveblaj ĉe la ĝenerala sekretariino Nobelino M. J. C. Ortt, Laan van Meerdervoort 383, Hago. — C. O.

*Letchworth* (Angl.). — La belega Ĝardenurbo Letchworth, elpensaĵo de nia samideano S-ro Ebeneezer Howard, bonvenigis je la 7 junio, grandan aron da Londonanoj. Feliĉe la vetero estis ideala, kaj pli ol 70 samideanoj kuraĝis partopreni en la veturado. Tuj post alveno, la vizitantoj, kondukitaj de la energia Del., S-ro Goodliffe, kaj aliaj lokaj samideanoj, faris piedan rondvojaĝon. Ĉiu admiris la belan aspekton de la urbo kaj tre ŝatis la diversajn vidindaĵojn, sed la vizito al la Ĝardenurba Presejo (Kooperativa Societo kaj Esperantia Entrepreno) postulas specialan vorton. Oni kondukis la vizitantojn tra la tuta presejo; montris al ili la multajn modernajn maŝinojn (speciale la „Monotipo" kiu povas facile presi Esperante); klarigis ilian uzadmanieron, kaj eĉ speciale funkciigis ilin (kvankam la laboro estis por la tago finita). Poste oni promenis ĝis la „Cloisters", ideala, simpla-viva kolegio, kie oni temanĝis kaj babiladis ĝis la vespero, kiam okazis sub-ĉiela propaganda koncerto, tre ŝatita de la vizitantoj kaj ne-Esperantistaj ĉeestantoj. Vespere la Londonanoj hejmen reveturadis per speciala vagonaro, por sonĝi pri la bela festo kaj afabla gastameco de la Ĝardenurbaj samideanoj. — E-pio.

*Bordeaux* (Franc.). — Tre belan kaj sukcesplenan feston organizis la Esp. Grupo la 10 junio. La riĉa programo konsistis el diversaj deklamoj, kantoj, teatraĵo kaj koncerto. Okazis ankaŭ la disdono de la monpremioj al la junaj lernantoj de la kurso; la „Touring-Club de France" donacis medalon el orumita arĝento. Senpaga lokrio finigis la feston. — P. M.

*Zug* (Svis.). — La 15 junio okazis, sub prezido de S-ro P-ro D-ro W. Arnold, prepara kunveno por fondo de Svislanda Ligo de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. Ĉeestis oficialaj reprezentantoj de la Svisa Katolika Eduka Societo, de la Svisa Katolika Studenta Ligo Abstinenca, loka grupo Zug k. t. p. Pri la temo „Kial Esperanton?" paroladis S-ro H. Unger el Zürich, pri „Esp. kaj katolikismo" S-ro P-ro W. Arnold de la Instruista Seminario en Zug. La kunveno, kiun ĉeestis katolikaj aŭtoritatuloj, starigis Preparan Komitaton kun S-ro P-ro H. Hilfiker kiel prez. kaj decidis okazigi la fondan kunvenon dum la nunjara Svisa Katolika Tago en St. Gallen, komence de aŭgusto. — H. U.

*Astraĥan* (Rus.). — La 19 junio ekskurso al Tinaki, kuracloko, estis organizita. Ĉiu ekskursanto portis sur sia brusto verdan, silkan kaj bele aranĝitan banton kun la stelo kaj kelkaj kun literoj UEA. Promenante en la tiea parko oni disdonis multajn propagandilojn kaj lernolibrojn. La ekskurso estis tre interesa por la partoprenintoj kaj tre utila por la movado en Astraĥan. — G. J. D.

*Foix* (Franc.). — La 22 junio la ĉi tieaj esp., kondukitaj de S-ro Bouvier, Del., plej kore akceptis la ekskursantojn el la Amiens'a grupo. Dum la tuta tago la plej ĝoja gajeco regadis, kaj oni komune promenadis en la pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de la urbo. S-ro Dubois, urbestro, kaj liaj filinoj ankaŭ partoprenis kaj oni pasigis plej agrablan tempon. La ambaŭ grupoj konservis plej ĝojigan memoron, kaj ĉe la disiĝo, ĉiuj promesis renkontiĝi la proksiman jaron en nova kunveno. — L. B.

*Zaviercie* (Rus.). — La 26 junio okazis la jara ĝenerala kunveno de la ĉi tiea esp. societo. Post mallonga diskutado oni balotis la jenan estraron: P.: B. Grabowski; VP.: K. Gawronski; K.: J. Gettel, S.: J. Zembik; bibliotekistino: M. Kotelowna. — B. G.

*Tiflis* (Kaŭkazo). — Okaze de la kunveno de tutruslandaj natursciencistoj kaj kuracistoj de la 1 ĝis 7 julio, S-ro A. Andrejev tralegis en la sekcio de geografio kaj lingvistiko referaton pri Esp., kiu pruvis ĝian praktikecon kaj rekomendis la enkondukon en la rusajn lernejojn, komence kiel nedevigan lernobjekton. Tiu referato estis akceptita kaj ĝiaj tezoj estos publikigotaj en „Ĵurnalo de kunveno". Krom tio lokaj esperantistoj aranĝis grandan ekspozicion, kiu daŭris dum unu semajno kaj estis multe vizitata de la kongresanoj kaj de aliaj personoj. Fine estis aranĝitaj esp. koncerto kaj spektaklo. — A. A.

*Sampierdarena* (Ital.). — La 2 julio okazis festeno je honoro de la kvin novaj instruantoj jus aprobitaj de la Liguria Esp. Instituto. Ĉeestis la deputatano S-ro Pietro Chiesa, kiu gratulante la novajn pionirojn de nia ideo promesis sian tutan helpon kaj apogon al propono pri enkonduko de Esp. en la lernejojn, sendita de tiu Instituto al la ministro de la Publika Instruado. — A. M.

*Saarbrücken* (German.). — La 2 julio okazis la ĉefkunveno de la esp. grupo, dum kiu estis elektata la jena estraro: P.: André; VP.: Surresch; S.: Schenkel; K.: Sander; bibliotekisto: Ost; asistanto: Dentrisch. Plie oni decidis instali bibliotekon. La grupo estas membro de GEA kaj Revelo. — A. H.

*Nevers* (Franc.). — La esp. Grupo partoprenis la kirmeson, kiu por la profito de la milita aviado okazis en Nevers la 6 julio. Ĝi starigis esp. oficejon riĉege ornamitan kaj flagdekoritan, kaj vendis dum la festo malgrandetan paperan aeroplanon, sur kiu estis la jena surskribo en franca lingvo: Lernu Esperanton; ĝi estas skribata kaj parolata en la tutmondo. — L. P.

*Barcelona* (Hispan.). — La Grupo „Espero Kataluna" organizis tre sukcesplenan literaturan konkurson por siaj geanoj. Pli ol 20 verkoj, originalaj aŭ tradukaĵoj, estis prezentitaj. La disdonado de la premioj okazis la 12 julio dum la ĉiumonata vesperfesto, kiu tiun fojon estis pli solena. Oni donis la ĉefpremion al la aŭtoro de originala poezio nomata „Kio okazas", S-ro A. Pla. Plie 3 premioj kaj 5 subpremioj estis ankoraŭ disdonataj. La ĉefpremio estis gipsa busto de D-ro Zamenhof. — A. P. — En la societo „Paco kaj Amo" oni elektis dum la lasta kunsido la jenan estraron: P.: S. Trius; VP.: M. Bausells; S.: F. Alsino; VS.: A. Barba; K.: K. Redondo; kalkulisto: F-ino D. Bosch; vic-voĉdonantoj: J. Casellas, M. Rotllan; bibliotekisto: F-ino E. Alberdi. Ankaŭ unuanime estis aprobita la propono de la Delegito aligi la grupon al UEA kiel Esp. Entreprenon. — B. B. — La grupo „Ĉiam antaŭen" nun kunvenas en nova sidejo: strato Poblet 25, Barcelona. — L. K.

*Paris* (Franc.). — La ĝenerala kunveno de E. S. F. I. O. okazis la 20 julio. La morala raporto estas aprobita. Du verdsocialistaj kunvenoj estos organizataj dum la Bern'a Kongreso. La proksima kunveno okazos la 19 oktobro.

*Chemnitz* (German.). — S-ro Hahn, instruisto ĉe la popollernejo de la najbara vilaĝo Schönau, la 1 oktobro forlasos nian urbon. La en Esperantujo bonege konata samideano, ŝatata precipe pro siaj detalaj konoj de la Esp. movado kaj pro siaj bonsukcesoj per instruado de siaj gelernantoj en nia lingvo, kiun li antaŭ nelonge denove pruvis dum la kunveno de la Saksa Ligo en Frankenberg (vidu Non 147 (11) de Esperanto), transloĝiĝos al Leipzig kiel instruisto ĉe la ŝtataj „Esperanto-Instituto" kaj „Buchgewerbemuseum". Kvankam la Chemnitzaj gesamideanoj bedaŭregas la perdon de la plej bona el sia rondo, tamen ili kore gratulas lin pro ĉi tiu distingo; ĉar ili estas konvinkitaj, ke por la evoluado de nia afero ĉi tiu paŝo estos de plej granda signifo. — F. W.

**Esperantia kunveno.** — *Centro-suda Anglujo.* — La Distrikta kunveno okazis la 5 julio en Northampton ĉe S-ro D-ro Beattie. Prezidis S-ro F. W. Hipsley, Distrikta Delegito, kiu malferminte la kunvenon klarigis la celon de la kunveno kaj raportis pri sia agado dum la lasta jaro: estas nun 11 Delegitoj en la Distrikto. La Delegitoj por Birmingham, Coventry, Northampton, Kettering, Banbury kaj Rugby faris raportojn pri la servoj faritaj en la lasta tempo; kvankam ne multaj kelkaj estis interesaj kaj montras, ke oni uzas la servojn kaj ke UEA ludas utilan rolon en Esperantujo. Unu Delegito aludis la gvidlibron tra Haarlem, kiun li ricevis. La prezidanto nomis kelkajn grandajn urbojn, kie ne estas ankoraŭ Delegitoj kaj donis konsilojn pri agoj fareblaj al propaganda celo. Li dankis la raportintajn Delegitojn kaj la ĉeestantaron. Ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj, membroj kaj aliaj. — F. W. H.

**Paroladoj.** — *Dijon* (Franc.). — La 4 julio S-ro rektoro Boirac paroladis en la universitata aŭditorio pri la temo: „La problemo de lingvo internacia“ antaŭ la fremdlandaj studentoj. En la fino li faris kvazaŭ kurson de Esp. kaj deklamis france kaj esp. la versajon: Post la batalo, kio tre efikis la diversnacian aŭdantaron, al kiu li disdonis ĉefeĉajn ŝlosilojn kaj legaĵojn instigantajn lerni Esp.

*Le Creusot.* (Franc.). — S-ro J. H. Krestanof faris la 28 junio tre sukcesplenan paroladon en la „Salle du Conseil Municipal à l'Hôtel de Ville“ sub la prezido de la urbestro. Li parolis pri la Balkana milito kaj S-ro Dejean, Del., tradukis en francan lingvon.

*Croydon* (Angl.). — Laŭ invito de la Thornton Heath'a Centra Fratularo, S-ro A. D. Peck, Del., paroladis pri Esp. kaj UEA rilate al la pacmovado, en la Centra Kinematografejo la 22 junio. La aŭskultantaro multe interesiĝis, kaj espereble kurso malfermiĝos. — D. A. P.

*Wood Green* (Angl.). — Parolado de S-ro Robertson, Kl. Del., antaŭ la „Ligo de junaj abstinencaj Civitanoj“. La prez. esprimis la deziron konatigi sian firmon (grava paperfabrikejo) per UEA. — B. B.

*Zürich* (Svis.). — En la societo „Vortrupp“ paroladis la 12 junio S-ro H. J. Unger, Del., pri Esp. Al kurso malfermota en aŭtuno aliĝis kelkaj personoj. — H. U.

*Miskolc* (Hungar.). — S-ro Giesswein, parlamentdelegito, faris propagandan paroladon en granda halo de la urbdomo la 12 julio pri la interrilatoj de la nacioj kaj la mondlingvo. Ĉeestis 250—300 personoj, kiuj akceptis la paroladon kun granda aplaŭdo. Aperis ankaŭ bonega kritiko inter aliaj en la loka gazeto „Miskolci Maplo“. — G. N.

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 aŭgusto 1913

### Lasta cirkulero

**Kongresa libro.** — En nia lasta cirkulero ni sciigis, ke la kongresa libro ne povas esti dissendata antaŭ la kongreso, sed ke la O. K. eldonis gvidlibron tra Bern kun listo de hoteloj k. t. p., kiun ĝi dissendas kontraŭ unu respondkupono.

**Aliĝoj.** — Kiu aliĝis la 10an de aŭgusto, ties nomo povas ankoraŭ aperi en la kongreslibro. Estas tre dezirinde havi kiel eble plej kompletan liston en tiu libro, ĉar ofte nur per ĝi amikoj povos sin trovi dum la kongreso.

**Postkongresaj vojaĝoj.** — En la akceptejo troviĝos detala plano kun la diversaj prezoj de tiuj vojaĝoj kaj nur tiam oni povos mendi bileton.

**Oratora konkurso** (provizora regularo):

*Art. 1.* Konkurso inter la Esperantaj parolantoj okazos en Berno dum la Naŭa Universala Kongreso de Esperanto. La ĝenerala programo de la kongreso informos pri tago, horo kaj sidejo de la konkurso.

*Art. 2.* La konkurso estas organizata de la O. K. de l'Kongreso, kun helpo de speciala internacia Juĝantaro konsistanta el 5 personoj el 5 diversaj nacioj.

*Art. 3.* La partopreno en la konkurso estas senpaga por ĉiuj kongresanoj. La konkursontoj estas petataj doni sian aliĝon kiel eble plej frue al S-ro Jean Wenger, Prezidanto de la Juĝantaro, Côte 113, en Neuchâtel (Svisujo), kaj samtempe al la O. K. de la Naŭa.

Se la enskriboj estos tro multaj, la Juĝantaro elektos inter ili maksimume 10 personojn, laŭeble el diversaj nacioj, kiuj efektive konkursos.

*Art. 4.* Ĉiu parolado daŭros maksimume 12 minutojn kaj estos farata antaŭ publiko konsistanta el kongresanoj.

Por la preparo de la paroladoj estos permesata la uzo de kiu ajn libro. Dum ili parolados la konkursantoj rajtos sin helpi per kelkaj notoj, sed ne per legado de plene skribita teksto.

*Art. 5.* Unu horo antaŭ ol ekparoli ĉiu konkursanto elektos la temon de sia parolado inter tri temoj altruditaj de la Juĝantaro. Tiuj tri temoj estos diversfakaj kaj sufiĉe ĝeneralaj aŭ komunaj por ne postuli specialajn konojn.

*Art. 6.* La valoro de l'paroladoj estos aparte taksata de ĉiu juĝanto per tri notoj: unu por la stilo kaj lingva korekteco, unu por la ideoj kaj aranĝo de l'parolado, kaj unu por la ĝenerala impreso (elparolado, voĉo, sintenado de l'oratoro k. t. p.).

*Art. 7.* La proklamo de la konkursaj rezultatoj kaj la disdono de la premioj okazos dum la solena ferma kunsido de la kongreso.

**Kotizo.** — Oni scias, ke la kongresa karto kostas 6 Spesmilojn, kaj la helpkongresa karto 3 Sm.

**Vendejo-ekspozicio.** — La berna librejo de A. Francke prizorgas vendejon kaj ekspozicion, kaj disvendos, se dezirite, librojn kaj broŝurojn por aliaj firmoj. Ĉiu eldonisto de Esperanta libro rajtas ekspozi du ekzemplerojn senpage, sed la libroj estos poste proprajo de la Berna Grupo. Mendojn por tabloj en vendejo kaj ekspozicio (4 Sm. por 1 tablo) oni povas de nun sendi al A. Francke, librejo, Bern.

**Ĉambroj.** — La kartoj kun la adreso de la loĝejo estas nun dissendataj al ĉiuj mendintoj laŭ la vico de la mendoj. Ĉiu havos sian karton hejme antaŭ ol li devas ekveturi.

**Lasta alvoko.** — Ĉiu vera Esperantisto, kiu ne estas malhelpata de profesiaj laboroj aŭ de aliaj ne eviteblaj kaŭzoj, nepre venu al nia belega manifestacia festo en la Svisa Metropolo, kiu samtempe estas la sidejo de multaj internaciaj oficejoj kaj la ĉiujara rendevuejo de centmiloj da fremduloj el ĉiuj kontinentoj. Venu kun kunulo Esperantista aŭ Esperantema kaj salutu la svisajn Alpojn, la eternan neĝon sur la pintoj de nia pitoreska kaj grandioza montaro, vizitu la modestan kaj diligentan svisan popoleton kun ĝiaj vere demokrataj institucioj, venu en la historian landon de la homa libereco, vi ĉiuj estu kore kaj sincere *bonvenataj!*

*Berno,* 5 aŭgusto 1913. *La Organiza Komitato.*

**Kongresa teatraĵo.** — *Lastmomente ni informiĝas, ke la famaj flandraj aktoroj de la Reĝa Teatro en Antverpeno, kiuj ludis „Kaatje“ en Esperanto antaŭ du jaroj, venos Bernon kaj ludos mardon 26 aŭgusto la jus aperintan verkon de S-ro Edmond Privat:* **Ginevra**[1], *originala dramo en tri aktoj.*

**Rimarko:** *Ĝis fino de julio estas 750 aliĝoj!*

[1] La verko vendiĝas ĉe *Universala Esperantia Librejo* de nun kaj ĉe la Org. Komitato de la Naŭa je 1.25 Fr. (Sm. 0.50) kun bela kartona bindaĵo.

## Listo de la kongresanoj (7a listo)

**Francujo.**

125. Raimond, A.. *Paris*, 11, rue Gossec.
126. S-ino Raimond, „ „
127. Tiard, C., *Paris I*, rue des Bons-Enfants.
128. S-ino Sergent, L., *Paris V*, 72, rue de la Clef.
129. „ Aguettant, Ml., „ 14, rue des Carmes.
130. Generalo Sebert, *Paris*, 14, rue Brémontier.
131. S-ino Sebert, „ „
132. F-ino Royer, M. „ „
133. Rektoro Boirac, E., *Dijon*, 2, rue Crébillon.
134. S-ino Boirac, „ „
135. F-ino Boirac, „ „
136. S-ro Doisy, *Compiègne*, 20, rue Mortel.
137. S-ino Doisy, „ „

**Germanujo.**

61. F-ino Bock, K., *Neukölln* b. Berlin, Wildenbruchstr. 83.
62. Feuerbach, C., *Müllhausen*, Elsässerstr. 12.
63. S-ino Feuerbach, M, „ „
64. F-ino Jaquel, M., „ 9, rue de Lyon.
65. Denninger, P., „ Marignandurchgang 5.
66. S-ino Schultz, A., *Schweidnitz*, Bahnhofstr. 10.
67. Salzbrenner, F., *Seelingstädt* b. Werdau.
68. Salzbrenner, Frn., „ „
69. F-ino Weigel, M., *Werdau*.
70. „ Körner, F., *Plauen i. V.*, Fürstenbergstr. 41.
71. „ Neupert, A., *Godesberg a. Rh.*, Rheinstr. 48.
72. „ Neupert, E., „ „
73. Schwarzschild, L., *Berlin-Charlottenburg*, Bismarckstr. 10.
74. F-ino Schreyer, E., *Hildesheim*, Einumerstr. 75.
75. „ Schreyer, L., „ „
76. Zorn, Paul, *Leutkirch i. Allgäu*.
77. Wolf, Wilh., *Gotha*, Steinmühlenallee 3.
78. Wiener, Max, *Dresden*, Zinzendorfstr. 5.
79. F-ino Weitz, W., *Kaiserslautern*, Haagstr. 3.
80. „ Klinger, A., „ Eisenbahnstr. 4b.
81. Buhl, P. P., Pfarrverweser, *Schörzingen*, O.-A. Spaichingen.
82. Burgermeister, W., *Wurzen*, Könneritzplatz 1.
83. Prof. Christaller, A., *Stuttgart*, Neue Weinsteige 61.
84. Christaller, Willy, „ „
85. F-ino Riedle, Bertha, „ Rheinsburgstr. 142.
86. Wrede, Th., *Bremen*, Waller Chaussee 17.
87. F-ino von Hammerstein, E., *Hildesheim*, Goschenstr. 34.
88. „ von Hammerstein, E., „ „
89. Stauss, R., *Stuttgart*, Paulusstr. 2 A (3).
90. F-ino Albersheim, K., *Wiesbaden*, Wilhelmstr. 38.
91. Springer, Hans, *Schwenningen*, Krankenhaus.
92. Senff, A., *Hamburg*, Alsterdamm 10.
93. Kreutz, R., *Frankfurt a. M.*, Oppenheimerstr. 15.
94. Schilz, E., *Schweidnitz*, Bahnhnfstr. 10.
95. D-ro Prölss, Hans, *München*, Karlstr. 9.

**Hispanujo.**

8. Sabadell-Ferrando, A., *Barcelona*, Diputacion 280.
9. S-ino Sabadell, A., „ „
10. F-ino Sabadell, D., „ „
11. Dalmau, D., „ Carre dels Angels 1.
12. Anglada-Prio, J., „ Sitges 8-3-1.
13. Prio, Dolors, „ „

**Holando.**

2. F-ino Höst, L., *Kopenhagen*, Bredgade 35.
3. „ Anger, L., „ 10. Chr., II. Allee.
4. „ Raaschou, E., „ St. Kongensgade 25.
5. von Oort, H., *Dokkum*, Friesland.
6. van der Vet, A. C., *Haag*, Antonie Hainsinsstr. 10.
7. S-ino van der Vet, J. C., „ „
8. F-ino Buijs, H. L., *Voorschoten*, Z. Holl.
9. Ziermans, J., *Scheweningen*, Amsterdamschestr. 53.
10. Isbrucker, J. R. G., *Haag*, Riouwstr. 169.

**Italujo.**

8. D-ro Filipetti, A., *Milano*, via Marino 3.
9. S-ino Filipetti, G., „ „
10. F-ino Filipetti, V., „ „
11. Vaona, Atilio, *Verona*, Avv. via Leone 10.

**Portugalujo.**

3, Moutinho, Aurelio, *Meda*.

**Rusujo.**

15. Tyminski, K., *Varsovio*, Hoza 20-3.
16. Obruĉev, J., *Moskva*, Koliŝin per Kv. 18.
17. Dr. Chybezytiski, L.

**Svedujo.**

1. F-ino Josefson, Helmi, *Stockholm*, Agnegatan 16, III.
2. Hernberg, Hanna, „ Dalagatan 1 b, 1. Tr.

**Svisujo.**

83. S-ino Hodgson, C., *Champéry*, Chalet La Violette.
84. F-ino Adam, A., *St-Blaise*, Neuchâtel.
85. Burgermeister, P. A., *Basel*, Elisabethenstr. 11.
86. S-ino Marcuard, Roger, *Muri* b. Bern.
87. Rohlicek, W., *Basel*, Gassstr. 5.
88. F-ino Soutter, A., *Morges*, 43, rue du lac.
89. „ Soutter, Emma, „ „
90. Droz, Fernand, *Vilars*, Neuchâtel.
91. Ducommun, E., *Le Locle*, 37, Progrès.
92. S-ino Ducommun, R., „ „
93. Hildebrandt, C., *Thun*, Schlossberg 67.
94. Hodel, F., *Neuchâtel*, Côte 113.

## DIVERSAĴOJ

.·. *UEA kaj komerco*. — Ekzemplo montranta la praktikan utilecon de Esperanto, antaŭ ne longe okazis en Dublin (Irlando), kaj estas efektiva respondo al tiuj, kiuj neas la valoron de internacia lingvo por komerco!

Granda firmo de fiŝ-importistoj en Chicago (Usono) deziris informon pri la vendado de fiŝ-speco, nomita „Irlanda Skombro". Ili skribis kelkafoje al diversaj personoj, inter ili la Usona Konsulo, sed vane, eĉ ne ricevante respondon. Aŭdinte tion ĉi, la Del. en Chicago vizitis la firmon kaj proponis havigi per Esperanto ian informon bezonatan. Ili unue ridis je la ideo, ĉar laŭ ilia opinio, Esperanto estas nur ludaĵo. Tamen, montrinte la Jarlibron de UEA, enhavantan la adresojn de pli ol 1200 Del., ili fine konsentis provi Esperanton kaj promesis al la Del., ke, se li povus havigi la informon bezonatan, ili donus al la lingvo estonte sian tutkoran subtenon. Li tiam komunikis kun la Del. en Dublino, petante lin havigi la nomojn de eksportistoj de Irlanda Skombro, ankaŭ la prezojn kaj negoc-kondiĉojn. La Dublina Del. tuj enmetigis leteron en ĉiun el la tri lokaj vesper-ĵurnaloj, skribis al la „Reĝa Irlanda Industria Asocio" kaj al la „Konsilantaro de Konĝestaj Distriktoj", kiu kontrolas la fiŝ-industrion, kaj post kelkaj tagoj povis sendi al la firmo en Chicago ĉiun informon bezonitan. La firmo estis kompreneble tre danka por la grandvalora helpo donita, kaj unu el la estroj nun studas Esperanton.

Jen estas unu ekzemplo inter multaj per kio oni montras la valoron de Esperanto en komercaj aferoj, kaj ni konsilas al ĉiuj samideanoj, kiuj nun penadas atingi la simpatiojn de komercistoj pri nia movado, ke ili eltranĉu ĉi tiun paragrafon kaj kiel eble plej multe disvastigu ĝin per siaj lokaj ĵurnaloj. — *Epio*.

∴ *Esperanto kaj turismo.* — Eldonita de la interkomunikiĝa oficejo kaj asocio ĵus aperis bela Esperanta gvidlibro pri la restadeja urbo *Kassel* (Germanujo). Tiun gvidlibron ornamas koloraj bildoj de la plej rimarkindaj vidindaĵoj de tiu pentrinda regiono.

Pri *Aarhus kaj ĉirkaŭaĵo* (Danujo) aperis Esperanta gvidlibro, redaktita de S-ro Chr. Heilskov, Del. UEA. Lukse presita kaj ornamita je ilustraĵoj, tiu nova eldonaĵo estos valora akiro de la Esperanta turisma literaturo.

La urba informejo de *Düsseldorf* eldonis ĵus bele ilustritan gvidlibron kun esperanta teksto kaj sendos ĝin senpage al ĉiu petonto. Samideanoj postulu ĝin multfoje, skribante en Esperanto al Verkehrsverein, Graf-Adolfstr. 91, Düsseldorf (Germanujo).

Sub la aŭspicioj de UEA, ĵus aperis gvidfolioj tra *Bozen-Gries* (Tirolo) kaj *Rorschach* (Svisujo) 2a eldono. Ĉiuj gvidfolioj estas riceveblaj de la C. O. de UEA.

∴ *Vegetara Ligo Esperantista.* — Oni petas nin anonci, ke membroj de V. L. E. dum la Berna Kongreso trovos bonan vegetaran manĝejon „Zur Wohlfahrt", Hirschengraben (Bubenbergplatz, apud la stacidomo), kies estro eklernis Esperanton por inde akcepti kiel eble plej internacian vegetaranaron. Kompreneble ankaŭ nevegetaranoj estos kore bonvenaj. — M. R.

∴ *Por Esperanto-lernintoj.* — Ni atentigas niajn franclingvajn legantojn pri bonega broŝuro de S-ro Rollet-de-l'Isle, prezidanto de S. f. p. E., aparte dediĉata al la personoj ĵus lernintaj Esperanton. Oni trovos, en konciza formo, utilajn informojn pri la diversaj manieroj, per kiuj lerninto povas uzi nian lingvon. La servoj de UEA estas aparte rekomendataj.

∴ *Esperanto kaj teozofio.* — La 7a Teozofia Mondkongreso ĵus okazinta en Stockholm kaj ĉe kiu ĉeestis 11 Esperantistoj, akceptis Esperanton kiel kvaran kongreslingvon. Tiun sukceson oni ŝuldas al S-ro de Szentmáriay, el Budapeŝto, pere de la ĝenerala Sekretario el Budapeŝto, S-ro Nadel.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Holanda Pioniro* (julio). Sub titolo *Esperantismo* (J. L. Bruijn):

„... Nia tasko estas tiel propagandi Esperanton, ke neniam oni suspektu nin esti ia sekto kun apartaj reguloj aŭ principoj. „Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto", jen kion ni ĉiam memoru. Danĝera estus en ekzamenoj aŭ en lernolibroj pritrakti tiujn „internajn ideojn". Ĉiu, kiu iom studas la socion kaj la homaron, povas scii, ke la grandaj problemoj de nia moderna tempo (ekonomiaj, religiaj, socialaj) ne devenas el lingva diverseco, kaj ke pro tio la fina venko de l'internacia lingvo tamen ne alportos pacon kaj harmonion sur la teron ..."

Pri tiu artikolo la redakcio de H. P. respondas la jenon:

„... La plena interkompreniĝado povas kontribui malakrigi la antagonismon inter diversaj popoloj kaj helpi la movadon por ĝenerala paco; tion lastan ĝi ankaŭ faras pro tio, ĉar ĝi faciligas la internaciajn rilatojn, konsekvence plimultigas ilin kaj ĉiu plimultiĝo de la internaciaj interrilatoj malpligrandigas la eblon de ekmilito. Panaceo por solvo de ĉiaspecaj problemoj Esperanto kaj Esperantismo kompreneble ne povas esti, sed ke ili multe povas helpi al la atingo de la idealo de la pacifistoj, tion kredas kun D-ro Zamenhof multe da esperantistoj, niaopinie prave."

∴ *Le Monde Espérantiste* publikigas Esperantian kronikon, verkatan de S-ro L. Poncet, Del. Lyon. Imitinda ekzemplo!

∴ *Universala Unuiĝo*, nova, neperioda gazeto, por humana unuiĝo en ĉiuj formoj de la pensoj kaj agoj, en kvar lingvoj. Redakcio: S-ro Scheuermann, Lubotin (Ĥarkov gub., Rusujo). Unu n-ro: 80 sd.

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Grazer Tagespost* (16 majo); *Grazer Tagblatt* (15 majo); *Deutsche Volkszeitung*, Hannover (3 julio); *Altonaer Nachrichten* (22 junio); *Breslauer Morgenzeitung* (24 junio); *Le Travailleur Savoyard*, Aix-les-Bains (21 junio); *Folkviljan*, Malmö (21 junio); *La Dépêche Tunisienne*, Tunis (24 junio); *Progrès du Nord*, Lille (16 junio); *Le Cri d'Angers* (29 junio); *Le Démocrate Savoisien*, Chambéry (28 junio); *Journal de Rouen* (23 junio); *Journal de Bolbec* (28 junio); *Le Congrès de Bolbec* (29 junio); *La Dépêche de Brest* (30 junio); *The Florida Times-Union*, Jacksonville (23 junio); *Tampereen Sanomat* (6, 10, 11, 21 kaj 22 junio); *Egerer Tagblatt, Franzensbader Tagblatt* kaj *Bezirksblatt Eger* konstante aperigas bonajn artikolojn pri Esperanto.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 17.625 |
| 74. Norvega Esperantista Ligo, Kristiania | 125 |
| 75. J. T. Loch Lead, Edinburgh | 125 |
| 76. H. Farmer, Boulogne-sur-Mer | 125 |
| Frankoj | 18.000 |

Entute (ĝis la 15 julio) 76 Garantiantoj mendintaj 144 atestojn, valoro 18.000 frankoj (7200 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Kvara Kongreso de UEA.** — La tagoj kaj horoj de la kunvenoj okazontaj dum la Kvara Kongreso de UEA en Bern estas fiksitaj jene:

*Lundon 25 aŭgusto je 3½ h.* — Solena malferma kunveno.
*Mardon 26 aŭgusto je 10 h.* — Unua labora kunveno.
*Jaŭdon 28 aŭgusto je 3 h.* — Dua labora kunveno.
*Vendredon 29 aŭgusto je 10 h.* — Tria labora kunveno.

Ĉiuj kunvenoj okazos en la Kazino (Burgerratssaal).

La detala tagordo aperos en nia venonta N-ro.

Ni rememorigas, ke sekve de speciala interkonsento kun la Organiza Komitato, ĉiuj anoj de la Naŭa Kongreso estos anoj de la Kvara Kongreso de UEA. Ili senpage ricevos la kongresan dokumentaron de UEA ĉe sia alveno en Bern.

**Etato de la Esperantianoj.** — Al la listo de la lokoj kun pli ol 20 Esperantianoj, aperinta en n-ro 147 oni devas aldoni: *Rostov n. D.* (25), *Rotterdam* (30), *Vilna* (27).

**Eksigo.** — Pro ne sendo de ricevitaj kotizaĵoj, malgraŭ ripetitaj avertoj kaj plendoj, kaj pro neplenumo de servoj, S-ro *Lorencson*, Del., Peterburgo, estas forstrekita el la listo de niaj Del. — Sro L. Vasiljev, Vicdel., Teatralnaja 3, Peterburgo, lin provizore anstataŭas.

### Novaj Delegitoj.

*Aberystwith* (Anglujo, Cardigan). — D.: Jack Edwards, 19, Paget street, Cardiff.
*Belfast* (Irlando). — D.: F. Farrington, Delhi Villa, Fitzwilliam Avenue.
*Blyth* (Anglujo, Northh.). — D.: John Tulloch, I New Row, The Colliery.
*Cincinnati* (Usono, Ohio). — D.: David W. Peacock, 3449 Wilson Avenue.
*Curlewis* (Aŭstralio, New South Wales). — D.: F-ino M. M. Bennett, „Duraba".
*Danville* (Usono, Virginia). — D.: Lewis H. Maury.
*Friedrichstal* (Germanujo, Saar). — D.: Aleksandro Höft, Cäcilienstrasse 11.
*Grant Park* (Usono, Illinois). — D.: G. P. Ferree.
*Kostroma* (Rusujo). — D.: Dmitrij Zalessky, Okruĵnij Sred.
*Konstantinoplo* (Turkujo). — D.: Phineus Godpraiser-Shanovich, 13 Kustschuck Hendec.
*Omsk* (Rusujo, Siberio). — D.: Johano Elert, Kladbiŝĉenskaja 3.
*Wingham* (Kanado, Ontario). — D.: Jasi A. Morton.
*Wolferton* (Anglujo, Buck.). — D: Joseph Higby, 13 Green Lane.

### Ŝanĝoj.

*Ĉernigov* (Rusujo, Ĥaskina gub.). — D: A. Ĥalfin, Sretenskaja ul.
*Kanton* (Ĥinujo). — D.: W. Hu, Nam Wu College, Honam.
*Loanda* (Afriko, Angola). — D.: J. M. Fazenda, Dala Tando.
*Maidstone* (Anglujo, Kent). — D.: W. R. Edwards, 15 Earl str.
*Toul* (Francujo, M.-et-M.). — D.: René Hug, près de la gare.
*Treorchy-Rhondda* (Anglujo, Wales). — D: W. E. Davies, 97 Conway Road.
*Zaviercie* (Rusujo, Polujo). — D.: Boleslaw Grabowski, Tow Pozyczk Oszezedu.

### Rimarko.

*Rimini* (Italujo, Bologna). Dum foresto de la delegito de julio ĝis fino de septembro oni sin turnu al la VD.

### Eksiĝo.

*Aleksandropol* (D.: Majewkskij); *Gerardmer* (D.: Mercier); *Huy* (VD.: Beaujean).

## ESPERANTIAJ KARAVANOJ

### Bicikleta karavano

Sub la aŭspicioj de UEA, organiziĝas bicikleta karavano de Parizo al Berno.

Jen la programo de la dirita karavano, kiun ni rekomendas al ĉiuj bicikletistaj Esperantianoj:

*Kuniĝo de la karavano:* 17 aŭgusto, 7 h. mat., Place de la République, Paris, trapasos Melun, proksimume je 10 h kaj alvenos en Fontainebleau je 12½ h.

2ª *haltejo:* Foriros el Fontainebleau je 7 h. mat., trapasos Montereau je 9 h., Sens je 12½ h., alvenos en Joigny je 17 h. (18 aŭg.).

3ª *haltejo:* Foriros el Joigny je 17 h. mat., trapasos Auxerre je 9½ h., alvenos en Avallon je 17 h. (19 aŭg.).

4ª *haltejo:* Foriros el Avallon je 7 h. mat., alvenos en Dijon je 17 h. (20 aŭg.).

5ª *haltejo:* Foriros el Dijon je 7 h. mat., trapasos Dôle je 10 h., alvenos en Mouchard je 17 h. (21 aŭg.).

6ª *haltejo:* Foriros el Mouchard je 7 h. matene, alvenos en Pontarlier je 15 h. (22 aŭg.).

7ª *haltejo:* Foriros el Pontarlier je 7 h. mat., alvenos en Neuchâtel je 12 h. (23 aŭg.).

8ª *haltejo:* Foriros el Neuchâtel je 7 h. mat., alvenos en Bern je 14 h.

La personoj, kiuj deziras partopreni tiun karavanon, devas sendi siajn aliĝojn al: S-ro Leclerc, 71, rue Monge, Paris.

### Karavano Paris-Bern

Jen la programo de tiu karavano aranĝata sub la aŭspicioj de UEA:

Iro. *Foriro el Parizo* (P. L. M.): 23 aŭgusto je 20 h. vesp.
*Alveno en Berno*: 24 aŭgusto je 10 h. 30 mat.

Reveno. *Foriro el Berno:* 31 aŭgusto vesp.
*Alveno en Parizo:* 1 septembro frumat.

Prezo en 3ª klaso: 35 fr. por membroj de UEA.
38.50 fr. por nemembroj.

Tiu prezo estas proksimuma; se ĝi estos malpli, la karavanestro redonos la diferencon en Berno.

Ĉiuj partoprenantoj devas havi la *membrokarton* de UEA kaj surhavi la *insignon* de UEA (por havi la societan rabaton). Tial, nemembroj pagas plie 3.50 fr. por la karto kaj insigno.

La karavananoj vojaĝos kune je la iro, sed ili rajtos laŭvole reveni *izole* kaj per ekspresvagonaro.

Estas konsilinde kunporti nur manpakaĵojn.

Ĉiujn aliĝojn sendu kun la mono, nepre *antaŭ la 12 aŭgusto*, al S-ro Souchay, 134, Boulevard Exelmans, *Paris.*

### Hispanujo

Nia Madrida Del. informas nin, ke dank'al la klopodoj de la hispana societo p. p. de Esperanto, la plej gravaj hispanaj fervojaj kompanioj konsentis gravajn rabatojn al la kongresanoj de la Naŭa, de la loko de enveturigado ĝis la franca landlimo. Ju pli longa vojo, proporcie, des pli granda estas la rabato.

### Frankfurt — Bern

La Frankfurtaj kongresanoj forvojaĝos el Frankfurt al la kongresurbo Bern sabaton la 23 aŭgusto 1913 je $11^{55}$ vespere, el Ludwigshafen $1^{32}$, Strassburg $4^{04}$, Mühlhausen $5^{34}$, alveno en Basel, svisa stacidomo $6^{07}$ matene, forveturo el Basel $7^{15}$, alveno en Bern $9^{20}$ matene. Kiu volas partopreni, skribu al la Delegito S-ro Hans Fricke, Frankfurt am Main, Niedenau 30.

### Karavano Marseille—Bern

Ni rememorigas, ke alia Esperantia Karavano foriros de Marseille ĵaŭdon la 21 aŭgusto je 11 h 56, vizitos Lyon vendredon kaj alvenos en Bern sabaton je 4 h 52 vespere. Ĝi akceptas anojn inter Marseille kaj Lyon (ne el Lyon). La listo de la partoprenantoj nepre fermiĝos la 15. aŭgusto. Por ĉiuj informoj sin turni kiel eble plej rapide al S-ro A. Giraud, 2 rue du Nil, Marseille.

La karavano estas rezervata al Esperantianoj.

La detalan programon vidu en *Esperanto* de 5 julio.

## UNIVERSALA STUDENTA ASOCIO

(Fako de UEA)

Ĉar la financa stato de la fako ne permesas eldonadi presitan bultenon, la fakestro eldonos hektografitajn cirkulerojn, al ĉiu membro senpage sendotajn de novembro 1913. Krom tio estos publikigataj en „Esperanto" de tempo al tempo raportoj pri la agado de la studenta komisiono kaj oficialaj komunikaĵoj.

∴ Ĝis la 15 junio 1913 aliĝis al la studenta fako 43 membroj; la adresaro estos dissendata en novembro.

.·. Por internacia studenta biblioteko donacis kol. Steinberg (Göttingen) germanajn studentgazetojn, kol. Mareŝ (Luhačovice) la ĉeĥajn. Ni petas gekolegojn donaci por biblioteko malnovajn jarkolektojn aŭ N-rojn de naciaj studentaj gazetoj.

.·. En „Studenta Bulteno" oni faris proponon pri Internacia Studenta Gvidilo; la komisiono kolektas kaj preparas materialon; en novembra N-ro estos publicita la demandaro por tiu ĉi grava verko.

.·. Ni komunikas, ke al USA povas aliĝi eĉ nestudentoj, ne-Esperantistoj kaj korporacioj. *La kotizmonon sendu nur al centro* (10, rue de la Bourse, Genève), al la fakestro presotaĵojn kaj ĉion, kio koncernas la redaktadon, aŭ proponojn por la studentkomisiono. Por la „Studenta Bulteno" (rubriko Studenta Vivo) sendu ne nur artikolojn pri la Esperanta movado inter studentaro, sed precipe pri la studkondiĉoj, moroj, pri societa vivo studenta k. s. Tio estas por ni plej grava!

La fakestro: *Joĵa Mareŝ,*
Luhačovice (Aŭstrio-Moravio).

**Rim.** Denove ni ripetas, ke Ĉiostudenta Asocio *ne ekzistas jam* kiel organizaĵo studenta, ĉar ĝi ŝanĝiĝis en societon de progresema junularo *„Corda Fratres"*. Lasttempe mi refoje ricevis petojn por informoj pri Ĉ. A., mi petas kolegojn aliĝi al studenta fako. *Alia studenta asocio ne ekzistas!*

### IIa Internacia Studenta Subkongreso en Bern 1913.

Dum la Kongreso okazos du kunvenoj, eble eĉ tri, laŭ cirkonstancoj. Provizora programo: 1e Malfermo de la subkongreso (kol. Krestanof). 2e Elekto de la Prezidantaro. 3e Legado de salutleteroj. 4e Prelegoj: *a)* Internacia organizado de la studentaro (kol. Christaller); *b)* Pri Corda Fratres (kol. Mareŝ); *c)* Universitata vivo en Usono (kol. Klotz); *d)* Hejmoj por studentoj (kol. Litauer). 5e Opinioj pri studenta organizaĵo kaj pri U.S.A. 6e Difino de la vorto „studento". 7e Difino de la 3a studentkongreso (tempo, loko). 8e Proponoj. 9e Fermo de la subkongreso. — Komuna fotografado.

Kolegoj, sciigu al adreso: *Joĵa Mareŝ* en *Luhačovice,* (Aŭstrio-Moravio), ĉu vi ĉeestos; sendu al li antaŭe proponojn, salutleterojn, prelegojn! Skribu pri nia subkongreso en esperantajn gazetojn kaj en naciajn studentajn gazetojn! Memorigu la kongreseton almenaŭ per salutletero aŭ karto.

## Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — S-ro E. M. Tiĥonov, Del. en Sl. Nikolaevskaja, edziĝis kun F-ino Z. A. Sutirina.

**Morto.** — La Marseille'a grupo antaŭ kelkaj tagoj perdis unu el siaj plej sindonaj anoj, S-ron de Ladevèze, forprenitan ankoraŭ juna de nepardonema malsano. Ĵus reveninte el Germanujo li enigis en nian Marseillian samideanaron agemon kaj viglecon freŝajn. Li verkis tre utilan libron „Demandaro pri la historio, literaturo kaj organizaĵoj de Esperanto por esperantaj ekzamenoj". Al li iras niaj plej maldolĉaj bedaŭroj kaj al lia familio niaj sinceraj kondolencoj.

.·. La 24 (11) junio tragedie mortis unu el plej konataj kaj fervoraj peterburgaj samideanoj S-ro V. V. Neĵinski. Fervora partopreninto en ĉiuj lokaj organizaĵoj kaj aranĝinto de multaj festoj kaj ekskursoj, li multe puŝis lokan propagandon. Ankaŭ multegaj korespondantoj kaj interŝanĝuloj bedaŭros nian subtenantan membron. — *P. E. S.*

## Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

.·. Oni petas nin presi la jenan leteron:

„...Instigataj per belaj bildoj kaj parolado de S-ro D. E. Parrish kaj deziro vidi fremdajn landojn, ni, du esperantianoj el Peterburgo, entreprenis per helpo de UEA vojaĝon al Kalifornio. Dum nia vojaĝo ni estas tre afable akceptitaj kaj gastigataj dum 6 tagoj en Hamburg de S-ro Del. Hoffmeister kaj aliaj gesamideanoj. Same afable nin akceptis S-ro Silbernik, Del. en New-York. Li nin dum du tagoj atendis ĉe haveno, sed ĉar nia vaporŝipo multe malfruiĝis, li devis foriri al sia oficejo, lasinte al ni leteron kun instrukcioj per kies helpo ni preskaŭ tute ne konante anglan lingvon tre facile trovis loĝejon preparitan de li por ni. Per lia afabla helpo ni jam la sekvantan tagon povis forveturi el New-York al Los Angeles, kie nin atendis ĉe stacidomo Ges-roj Parrish kaj S-ro R. Bond. Tuta nia vojaĝo estis vera plezuro sen iaj malfacilaĵoj, ĉar ĉie, kie ni haltis, amikaj gesamideanoj nin atendis kaj helpis. Korajn dankojn al ĉiuj. — *P. Tobi. Ch. E. Kodil.*

.·. S-ro *J. Hebky* kore dankas ĉiujn samideanojn en Peterburgo, kiuj plifaciligis liajn rilatojn en rusa lingvo; precipe al S-ro Vasiljev, Vicdel., kiu lin akceptis alvojaĝantan el Praha kaj zorgis pri ĉio por lia restado.

.·. S-ro *Golubničenko,* en la nomo de l'junaj ekskursintinoj, kies gvidanto li estis, esprimas plej korajn dankojn al S-ro M. Kiperman kaj ankaŭ al lia estimata kamarado, kies nomon, bedaŭre, li ne povas citi, pro iliaj ŝatindaj konsiloj kaj ĉiam afabla helpemo dum la kvartaga restado de la geekskursintoj en Kiev, okaze de la Tutrusa ekspozicio en tiu ĉi urbo.

.·. La firmo *Bünemann kaj Bartolucci,* Esp-iano en Milano, dankas la Del. en Aïdin (Turkujo), S-ron Mehmet Huluci Efendi, pro la valorhavaj informoj, kiujn li afable donis pri la ekzisto de sulfuro kaj sulfuraj piritoj en la regiono de Aïdin.

.·. S-ro *Roig,* Esp-iano en Barcelono, dankas S-ron Case, Del. en Manila, kaj S-ron Amado Bonus pro plenumo de grava peto.

.·. F-no *Elli Ahlstrom* kaj S-ro *Leo Jalava,* geesp-ianoj el Turku (Finlando) sendis al ni la jenan interesan leteron:

Dum la pasinta junio la plej fama 70-nombra finna gekantista ĥoro „Suomen Laulu" faris vastan koncertvojaĝon tra Svedujo, Danujo, Germanujo kaj Anglujo. En la ĥoro troviĝis ni la du subskribintaj geesperantianoj, kiuj pruvis la gravan utilon de nia lingvo kaj grandan helpon de UEA, tial ni petas la oficialan organon de UEA peri niajn sincerajn kaj tutkorajn dankojn al la multnombraj samideanoj, kiuj ĉiuloke agrabligis nian restadon en sia urbo.

La unua vizitita urbo estis Stockholm, kie F-ino Helmi Josefson, Del de UEA, en la haveno nin akceptis kaj gvidis tra la belega urbo. En Kopenhago ni ire kaj reire pasigis kelkajn agrablajn tagojn kun la gastamaj samideanoj: F-ino L. Hoest, Del. de UEA, F-inoj A. Melchior kaj A. Bjarnov kaj S-ro Ad. B. Hansen, Del. Kiam ni vespernokte atingis la ĉefstacidomon de Hamburgo nin kore bonvenigis per flirtanta verda flageto aro de preskaŭ 30 samideanoj. Precipe ni ŝuldas dankojn al S-ro Hoffmeister, Del. de UEA, kiu kune kun F-ino Henneke kondukis nin en la grandaj magazenoj kaj montris la interesajn vidindaĵojn de Hamburgo. Tre ĝojan vesperon pasigis la subskribinto kun S-roj Ove Ovens, Oskar Peters, Hermann Will kaj E. Prolsz. Dum la mallonga vizito en Lubeko, S-roj D-ro A. Moebusz, Del. de UEA kaj H. Böbs kaj F-inoj E. Brandt kaj H. Drückhammer, kiuj servis kiel gvidantoj por ĉiuj ĥoranoj. En Bremeno ni ĉeestis la kunvenon de tiea esp klubo, kaj ni ŝuldas nian dankon precipe al S-roj H. Böning, Del. de UEA, Otto Wehlitz kaj W. Fricke. — Kiam „Kaiser Wilhelm II" albordiĝis en Southampton kvar samideanoj: J. Fennall, W. H. Harrison, A. B. Cottwill, J. Lamb, speciale alvenintaj el Portsmouth por nin bonvenigi al Anglujo. Atingante la ĉeflokon por niaj koncertoj, Londonon, nin akceptis ĉe la stacidomo S-ro W. Phillimore, Del. de UEA, kaj F-ino M. L. Blake, kiuj dum nia dektaga rest-

ado tie plejmulte oferis sian tempon helpante nin kaj aliajn gekantistojn en magazenoj k.t.p. Neforgeseblajn vizitojn ni ĝuis en la gastamaj anglaj hejmoj de F-inoj M. L. Blake, Dora E. Bellamy, Del. de UEA, kaj F-ino E. O. Brien, ĉe kiu kelkaj gesamideanoj kunvenis post la esp. diservo en Harecourt'a preĝejo kaj kie ni havis plezuron konatiĝi kun la famekonata kantisto kaj esp. komponisto Harrison Hill. Gravan propagandon faris S-ro Prezidanto de UEA H. Bolingbroke Mudie per sia salutparolado post nia lasta koncerto al nia tuta ĥoro. Agrablan viziton ni ĝuis en la ĉarma banloko Eastbourne, sidejo de la VIa Brita Esperantista Kongreso, kie ni ŝuldas la plej koran dankon al S-ro John P. Nix, Del. de UEA, Ges-roj W. V. Sumfield, ĉefinspektoro de Eastbourn'a polico, S-ro Ebenezer Taylor kaj F-ino Martin. Same en la alia belega banurbo Bournemouth ni ĝuis la gastamecon en la delikata hejmo de S-ro ekspastro A. Flaxman. Revenante hejmen tra Hull nian vagonaron eniris Ges-roj Frank Jessop el Mansfield, dujara intima korespondanto de la subskribintino, akompanante nin al la haveno de Hull, kie ni ankoraŭ renkontis alian korespondanton S-ron Ernesto Lee el Huddersfield, kiu kune kun Hull'aj gesamideanoj adiaŭis nian vaporŝipon.

Grandega propagando estis tiu ĉi koncertvojaĝo per Esperanto ĉar preskaŭ ĉiuj „Suomen Lauluanoj" konvinkiĝis kaj promesis tuj komenci la lernadon de nia kara lingvo. Pro tio ankoraŭ unufoje ni esprimas nian profundan dankemecon al la helpintaj gesamideanoj."

# Alvokoj

## Samideanoj en ĉiuj landoj!

Ni direktas al vi peton pri helpo en grava entrepreno. En Svedujo ni nun, dank'al la sukceso de Esperanto dum la Va Olimpiado en Stockholm, staras antaŭ nova, brila epoko por Esperanto. En nia lasta kongreso de la Sveda Esperantista Asocio ni interalie fondis komitaton por ellabori proponon pri *ŝtata subvencio* al la turista agado de la svedaj esperantistaj societoj. Ni do intencas prezenti al la sveda registaro kaj parlamento proponon por ricevi de la ŝtato monon al la eldonado en Esperanto de gvidlibroj, turistkaj vojaĝaj libroj de la diversaj urboj kaj vidindaĵoj en nia lando k.t.p. Sed por sukcese prezenti tian proponon al la sveda registaro estas necese havi materialon por montri, ke en aliaj landoj oni sukcesplene uzis Esperanton por diskonigi la konon de la lando kaj de la interesaĵoj, industrio, komerco, turistlokoj k. t. p. Tial ni petas la diverslandajn samideanojn helpi nin por havigi la necesan materialon kaj precipe respondi jenajn demandojn:

1a Ĉu la ŝtato en via lando donis monon por en Esperanto eldoni iajn gvid-turistlibrojn k. t. p.? Se jes, ni petas precizan informon pri la monsumo kaj pri la maniero, kiel oni prezentis la proponon al la registaro aŭ parlamento.

2a Ĉu iaj urboj en via lando donis monon por la sama celo? Informojn ni petas ankaŭ pri la sukceso kaj pri la nombro de la eldonitaj aŭ eldonotaj libroj, prospektoj k. t. p.

3a Ĉu la ŝtato aŭ urboj de via lando donacis monon por Esperanto-kursoj, aŭ entute, por la Esperanto-movado?

Ni esperas, ke ĉiu esperantisto laŭpove helpos nin en nia grava entrepreno. La materialo, kiun ni nun intencas kolekti, estos ankaŭ treege utila por la Esperantistoj en aliaj landoj, kiuj faros samspecan proponon kiel ni. Por eviti la poŝtajn elspezojn kaj faciligi la liveradon de la materialo ni volas proponi, ke la sekretarioj de la Esperantistaj asocioj aŭ grupoj prenu sur sin la taskon kolekti la materialon de nia lando kaj donu ĝin al ia Esperantisto, kiu partoprenos la Universalan Esperanto-Kongreson en Berno. Dum nia Kongreso en Berno la samideanoj povos transdoni la komunikaĵojn al la kongresa leterejo sub mia nomo, por ke mi ricevu la materialon. Mi do atendas riĉan materialon en Berno! Nian plej koran dankon! Por la Komitato

*Teodor Rosengren*,
Hagagatan 10/1, *Stockholm* Va (Svedujo).

## Knabaj Skoltoj

Kiel Oficiro Korespondanta de la Knabaj Skoltoj de Argentino mi devas skribi al ĉiuj organizoj de K. S. en aliaj landoj. Mi intencas skribi Esperante kaj petas al ĉiuj D. kaj V. D., ke, se la Sekretario de K. S. sendos al ili mian leteron por traduki, ili bonvolu tion fari kaj samtempe propagandi nian lingvon. *R. Raven-Hart*,
Esperantiano 2961.

## Atentu pri Franzensbad!

En lasta n-ro de *Esperanto* S-roj P. Fruictier kaj Georg Mahn skribas, ke flankę de Esperantistoj, Esperanto tro malmulte *praktike* estas uzata, kaj ni ne faros progresojn pro tio, ĉar la plimulto da homoj nur tiam lernos Esperanton, kiam ili vidos, ke ili havos ankaŭ tuj praktikan materian profiton. En la mondo ekzistas bedaŭrinde ankoraŭ ĉiam pli multaj materialistoj ol idealistoj, kaj pro tio mi petas, ke ĉiuj Esperantistoj kaj speciale la tuta esperantista gazetaro subtenu tiujn urbojn kaj societojn, kiuj aliĝis kiel esperantiaj entreprenoj kaj helpas nian movadon. Mi memoras nur je la kuracurbo Franzensbad (Aŭstrio), kiu donas 50 % da rabato al ĉiuj malriĉaj Esperantistoj kaj forsendas esperantistajn gvidlibrojn tute senpage. Sed bedaŭrinde tute malmultaj gvidlibroj estas postulataj de la Esperantistoj.

La konsekvenco estos verŝajne, ke Franzensbad ne aliĝos plu kiel Esperantia entrepreno kaj ankaŭ ne donos plu rabaton al Esperantistoj, nek gvidlibrojn forsendos.

Tial mi petas kiel Delegito la Esperantistaron: postulu senpagajn gvidlibrojn de urbestraro de la kuracurbo kaj rekomendu Franzensbad ankaŭ al neesperantistoj, por ke tiuj ĉi povu diri, ke ili estas atentigitaj je Franzensbad per Esperanto. La tutan esperantistan gazetaron mi petas de tempo al tempo atentigi pri tio.

*J. Hechtl*, Delegito.

## Internacia ekspozicio en Kladno

Esperantista Klubo Kladno aranĝos la 15—25 aŭgusto esperantan ekspozicion en lernejo. Ni petas ĉiujn Esperantistojn, eldonistojn kaj komercistojn, ke ili helpu nin kaj sendu prunte aŭ donace diversajn esperantaĵojn.

Ĉiujn sendaĵojn bonvolu alsendi al

*Rudolf Novy*, Del. UEA,
Kladno n-ro 445 (Bohemujo-Aŭstrio).

## Ekspozicio en Barcelono

Ni organizas Esperantan Ekspozicion, ĉar, ĉe la kvartalo „Gracia" en Barcelono, dum aŭgusto okazos ĉiujara granda festo; ni elektis ĉi tiun daton por okazigi ĝin, kiam miloj da personoj svarmas sur la stratoj dum la tagfestoj. Ni deziras, ke ĝi estu vera pruvo de ĝia frukta ekzistado, ne kiel utopio, sed kiel realeco de ĝia forto en la praktika vivo. Sed por sukcesigi ĝin, ni bezonas vian necesan helpon: tial ni petas, ke oni bonvolu sendi al ni ĉiajn esperantaĵojn, nome: katalogojn, gazetojn, verkojn, por kaj en Esperanto, afiŝojn, poŝtkartojn, propagandilojn k. t. p., k. t. p.

Volu ankaŭ averti nin, ĉu ni devas resendi al vi vian sendaĵon post la dato de la Ekspozicio.

Ĉiujn sendaĵojn ekspedu al Esperanta Societo „Paco kaj Amo", Str. Montseny 67, *Barcelono*.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

ADELAIDE (Arĝentino, Buenos Aires). — F-ino Elena Carrera, Sta. Adelaide 537, PI. (kun ĉiuj landoj).

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro M. E. Tsohadjis, nur PI. kaj PM. (tre serioza).

AMSTERDAM (Nederlando). — S-ro E. Krikke Jzn., Admir. de Ruyterweg 63, L., PK., PI., PM., bfl.

BLAGOVEŜĈENSK (Rusujo, Siberio). — S-ro M. J. Sajapin, Amurskaja ul. 111. (Ĉiam respondas.)

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

CHOLET (Francujo, Maine-et-Loire). — S-ro E. Boisson filo, 37, rue Nationale, PI., PM. (respondas tuj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DUESSELDORF (Germanujo). — S-ro Peter Amon, Mülheimerstrasse 1, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

GNESEN (Germanujo, Posen). — S-ro Ziemann, Tremessenerstrasse 77, PI., bfl. (ĉiam respondos; kun ekstereŭropanoj ankaŭ L.).

HALLIST STACIO (Rusujo, Liflando). — S-ro K. Regori, pastorat, PI., PM. (precipe kun fraŭlinoj).

IGLAU (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Tomas Plansky, imp. reĝa ĉefserĝento, D. Beamtenheim, PI. (kun ĉiuj landoj).

LE LOCLE (Svisujo). — S-ro Ami Béguin, 18-jara, juvelisto, 20, Reçues, PI., PM. (kun ĉiuj landoj, volonte kun Japanoj kaj Ĥinoj).

LORETTE (Francujo, Loire). — F-ino Marie Plat, 2, rue d'Assailly, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

LUGANSK (Rusujo, Ekat. gub.). — S-ro Vikt. G. Kotelevcev, ul. Bankovskaja 79, PI., bfl., PM., gazetoj (kun ĉiuj landoj ekster Rusujo kaj Aŭstrio).

MATOSINHOS (Portugalujo). — F-ino D. Maria Leonora Allen do Souto, Alameda Passos Manoel, PI. (kolorigitajn), bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Voldemaro Koĥ, Presnja, Fabrika Proĥorova, PM., PI., bfl.

NARVA (Rusujo, Estlando). — S-ro Eduard Wiikman, kontoristo, Krenholmo Kontoro, PI., PM. (sendas rusajn jubileajn PM.).

NEMME (Rusujo, Liflando). — S-ro Arnold Ostavel, 16-jara, pr. Quellenstein, PI. (kun ĉiulandaj samaĝaj samideanoj, volonte kun Japanoj, Hindoj kaj Ĥinoj, fotografaĵo dezirata).

OREL (Rusujo). — S-ro Ŝestakov, gimnazio Nedbal (ĉiam respondas).

OREL (Rusujo). — F-ino Popel, 575/II, poste restante.

PHILADELPHIA, XXXI st. (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2157 E. Cumberland st. (kun studentoj de nenormala psikologio kaj psikoterapeŭtiko).

PONTARLIER (Francujo, Doubs). — S-ro Emile Vauchy, instruisto, 87, Grande Rue, PK., L. (kun ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secção da Contabilidade dos Telegraphos.

RIVERTON (Nova Zelando, Southland). — S-ro G. W. Stone, PI. (kun Norveg., Sved., Dan., Turk., Grek., Ĥin. kaj Japanujo).

SIEGMAR (Germanujo, Saksujo). — S-ro Otto Türk, PI., bfl. (nur kun eksterlandanoj).

SMYRNA (Azia Turkujo). — S-ro Demetrius Joannides, Deutsche Post, PK., PM. (kun ĉiuj landoj).

SMYRNA (Azia Turkujo). — S-ro Michel Stylianpoulo, chemin de fer Smyrna-Cassaba, PK., PM. (kun ĉiuj landoj).

STADE (Germanujo, Hannover). — S-ro G. Bendix, Höckerstr. 25, PM. (france kaj esperante).

ST. MICHIELSGESTEL (Nederlando). — S-ro L. Brekelmans, PI., PK., L., PM.

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Leono Lipnieviĉ, Nevskij pr. 11, Kontoro de Borsa Notario K. Getz, PI. (kun gejunuloj en tuta mondo.)

TALICKIJ ZINO (Rusujo, Uralo). — S-ro Alekso Vjatkin, studento (post la 20 aŭgusto en Jalto, Rusujo, Krimeo, poste restante) (sendas vidaĵojn de iu ajn parto de Rusujo).

TROYES (Francujo, Aube). — S-ro Monpert Raoul, 1, rue de la Basse-Charme, PI., L., bfl. (ĉiam kaj tuj respondos per belegaj kartoj).

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) PI. (kun ĉiuj landoj).

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, PI., PM. (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ALVOKO. — Firmoj, komercistoj, fabrikantoj, liverantoj, eksportistoj aŭ esperantistoj de kiu ajn alia profesio aŭ okupo povas esti reprezentotaj en la Internacia Ekspozicio de Esperantistoj en Kladno dum 15—25 aŭgusto 1913. Elmetantoj pagas nur proprajn elspezojn. Interesuloj, kiuj volas ekspozi aŭ diskonigi sialandajn interesaĵojn en Kladnon aŭ Bohemujon, bonvolu sin turni al la komitatano de la ekspozicio, al S-ro Vaclav Broz, komercisto, Kladno 123, Bohemujo, Aŭstrio.

ATENTU! — Kapabla Sviso, 27-jara, flue parolanta kaj skribanta germanan kaj francan lingvojn, bonaj konoj de la angla kaj itala, librotenisto kaj kasisto, lerta stenografisto kaj maŝinskribisto, sperta komercisto, serĉas *seriozan* situacion, eksterlande aŭ en Svisujo. — Ankaŭ akceptus riprezentadon de serioza firmo en kiu li havus certan estontecon. Persona intervidiĝo ebla dum la Naŭa. Pagos 1 % de la unuajara salajro al peronto. Nur proponojn nepre seriozajn al la redakcio de „Esperanto" sub „Korespondanto".

BRODAĴO, SILKAĴO, ŜALOJ kaj ĉio rilate al virina vestiĝo. Vigla agento mem pagas vojaĝkostojn, posedante gravan pograndistan klientaron en tuta Anglujo, deziras ankoraŭ kelkajn komisiajn reprezentadojn por fabrikistoj de supraj artikoloj. Ĉeestos naŭan kongreson, kie povas aranĝi intervjuon. Applebaum, Mayville Road, Liverpool.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

EDZIĜO. — 28-jara fraŭlo deziras edziĝi; posedas sufiĉe grandan kapitalon; petas skribi al li sincere, malkaŝe kaj detale; dezirinde sendi fotografaĵojn, kiuj en okazo de nekonveno estos resendataj. Ĉiama adreso: Rusujo, Kiev gub., poŝto Pjatigori, poste restante R. R.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

GRAVA PETO. — S-roj Delegitoj kaj aliaj, bonvole, por montri la ekonomian valoron de UEA, instigu entreprenojn (fabrikojn, muelejojn k. t. p.), kiuj eble bezonus kaj dezirus svedajn, vere unuaklasajn, jam mondfamajn motorojn (por krud-oleo), konfidenciplene por informoj sin turni, germane, france, angle aŭ esperante al S-ro A. Rosenberg, Svanhals, Svedujo.

INFORMO. — S-ro J. Udrik, Delegito de UEA en Narva, sciigas ĉiujn gesamideanojn, ke lia edziĝfesto kun F-ino Alide Paŭline Malman okazis la 3 aŭgusto.

KOLEKTANTOJ! — La plej belege kolorigitaj il. poŝtkartoj (kun diversaj bildoj) pri Budapest estas riceveblaj jene;

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2 kartoj | 0.100 Sd. | 14 kartoj | 0.500 Sd. |
| 5 „ | 0.200 „ | 30 „ | 1.000 „ |

Hungaraj poŝtmarkoj: por respondkup. 50 pecoj kaj vidaĵo pri Budapest. Adreso: Andreo Cseh en Puj (Hunyad), Hungarujo.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO